2.ª Ep. ANO XI N.º 64 (200) NOVIEMBRE - DICIEMBRE 1973



200

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# TAGO DE ZAMENHOF
# 15 - 12 - 73

L. L. Zamenhof 15-12-1859 - 14-4-1917

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
ZARAGOZA


*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-15

Prezidanto:
S-ro **Angel Figuerola Auque**
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Sekretario:
S-ro **Manuel Figuerola Palomo**
Str. Arturo Soria, 192, 3.°-D
MADRID-17

Kasisto:
S-ro **Gerardo Flores Martín**
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.° 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-15

Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-15

Eldona Fako:
F-ino **Inés Gastón**
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
Ĉekkonto: N.° 17917, Bc. Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## DONATIVOS PARA BOLETIN - 1973

| | | |
|---|---|---|
| [illegible] anterior | 3.485,— | ptas. |
| [illegible] | 100,— | » |
| J. [illegible] | 50,— | » |
| J. [illegible] | 50,— | » |
| J. A[illegible] | 50,— | » |
| J. [illegible] | 50,— | » |
| S. [illegible] | 50,— | » |
| F. Al[illegible]na | 50,— | » |
| M. Alsina | 50,— | » |
| C. Segura | 50,— | » |
| J. Roig | 50,— | » |
| A. Roca | 50,— | » |
| J. Arroyo | 50,— | » |
| J. Aragay | 50,— | » |
| Ste!o de Paco | 100'— | » |
| Dolores Brugués | 75,— | » |
| Antonio Bohigas | 100,— | » |
| J. Requena | 50,— | » |
| J. Figueras | 100,— | » |
| L. Bernaerts | 80,— | » |
| J. Lerroux | 150,— | » |
| M. Elézcano | 100,— | » |
| E. Roca | 50,— | » |
| M. Cos | 50,— | » |
| A. García | 50,— | » |
| R. Ibáñez | 50,— | » |
| J. Perarnau | 250,— | » |
| J. Devís | 50,— | » |
| E. Larrouy | 50,— | » |
| T. Apraiz | 50,— | » |
| C. Gutiérrez de Apraiz | 50,— | » |
| Grupo de Cheste | 50,— | » |
| Vidal Fernández | 50,— | » |
| P. Alcedo | 50,— | » |
| Jaime Montfort | 50,— | » |
| J. Tallón | 50,— | » |
| J. Ordieres | 50,— | » |
| Alberto Sánchez | 50,— | » |
| Luis Otaola | 50,— | » |
| J. Hernández | 50,— | » |
| Juan del Moral | 200,— | » |
| Ramón Bastardes | 100,— | » |
| Antonia Urgellés | 50,— | » |
| Clemente Mozas | 50,— | » |
| Juan Oliveras | 50,— | » |
| Félix de Valoix | 50,— | » |
| Un samideano valenciano | 200,— | » |
| Vda. de Dalmau | 50,— | » |
| María Vila | 200,— | » |
| Fernando Soler | 50,— | » |
| Armando Cortés | 91,— | » |
| J. Olivé | 50,— | » |
| Ramón Molera | 50,— | » |
| *Total* | 7.231,— | » |

# DUOBLA JUBILEO

Ĉi tiu numero de BOLETIN estas duoble jubilea. Krom tio ke ĝi estas la numero 200, ĉijare ni plenumas la arĝentan jubileon de la apero de nia organo.

En ĉi tiu okazo ni deziras esprimi nian omaĝan dankon, unuavice, al la fondintoj de BOLETIN kaj al ĝia unua redaktoro, kaj ankaŭ al ĉiuj, kiuj laŭlonge de la jaroj prizorgis la vivon de la revuo kaj klopodis por ke ĝia enhavo estu ĉiam pli kaj pli interesa.

BOLETIN, kiel organo de nia Landa Asocio, estas propraĵo de ĉiuj hispanaj esperantistoj, tial nia devizo estas, neŭtraleco, kaj nia klopodo plenumi la rolon por kiu ĝi estis fondita. En tiuj 25 jaroj, la vivo de nia revuo ne ĉiam estis tiel glata kiel ĝiaj gvidantoj deziris, sed, la entuziasmo kaj obstino ebligis ĉiam ĝian revivigon.

Dank' al tiuj entuziasmo kaj obstino ni havas revuon, kiu estas nia ĉar ĝi estas rezulto de niaj sentoj kaj elmontro de tio kion ni pensas kaj deziras. Ĝi estas kvazaŭ nia esperantista tribuno, pere de kiu ni prezentas al alies konsidero niajn idealismojn, niajn projektojn kaj realigojn, niajn iluziojn, nian vivon...

Nuntempe, feliĉe, nia vivo disvolviĝas sufiĉe glate same en niaj lokaj Grupoj kiel en niaj fakaj Sekcioj kaj en nia Landa Federacio; tamen, ni ne devas forgesi ke la movado estas universala, kaj kiel veraj esperantistoj nia devo estas kunlabori por la sukceso de Esperanto, ne nur en nia lando, sed tutmonde.

BOLETIN klopodas esti ne nur organo de nia asocio, sed, de nia ideo; efektiva organo de nia esperantismo; por tion atingi ni esperas ke ĉiu numero kunportu krom informoj pri la movado novan entuziasmon, novan fidon kaj amon por tiu idealo. Kaj, per tio, paŝon post paŝo, progresante iomete, sed persiste ĉiutage, ni atingos daŭran sukceson.

Fine, mi dankas al miaj nuntempaj kunlaborantoj, kiuj per sia kontribuo gravigas la literaturan aspekton de la revuo.

INÉS GASTÓN
Respendeca redaktoro de BOLETIN

---

# ĜOJAN KRISTNASKON KAJ FELIĈAN NOVAN JARON

# ANTAŬPAROLO AL LA ELDONO DE

**"La Malprudenta Scivolulo"**

Sciinde estas, ke ne nur unu sola romano, sed riĉa kolekto da ili, bone provizas la enhavon de "La Genia Kavaliro Don Kiĥoto de la Manĉo", plej supera verko de la klasika hispana literaturo kaj majstra priskribo de nobla figuro, kiu, kvankam fantazie kreita de Cervantes, akiris tamen materian formon, trans ĉiuj landlimoj, kaj fariĝis eterna propraĵo de la tuta homaro, kiel universala simbolo de obstina strebado al ĉiu ideala entrepreno, al ĉiu romantika songô, en flugo al tiu bono pri kiu oni en la mondo sopiras aŭ revas.

Inter la eksterordinaraj kaj mirindaj aventuroj, okazintaj al nia brava heroo dum lia kavalireca vagado, komence de la XVII^a^ jarcento, troviĝas apartaj rakontoj pli aŭ malpli longaj, el kiuj kelkaj fakte konsistigas sendependajn novelojn. Unu el ili, sendube la plej kompleta, estas la ekzemplodona historio LA MALPRUDENTA SCIVOLULO, tiu stranga edzo, kiu volis fari praktikajn ekzercojn, pere de ĝentila amiko, por kalkuli kiom da gradoj aŭ kiom da efektiva rezisto havis la fideleco de lia bela edzino.

En kontrasto kun la stultaj zorgoj de la edzo kaj la prudentaj rezonoj de la amiko, elstaras la ĉarma virineco de la edzino. Ĉar kvankam ŝi ne rezistis la malsaĝajn provojn, kiujn ŝia edzo varpis, tio ja vere okazis —ĉu ne pardoninde?— pro ŝia vive radianta naturo, kiun la leĝa posedanto klopodis science analizi anstataŭ nur pasie frandi.

...Kaj per tiaj lecionoj el pasintaj epokoj, ankoraŭ nun oni povas lerni, ĉar se nia jarcento rajtas fanfaroni pri ege evoluanta tekniko, en aŭdace senhalta progreso, oni certe ne estas hodiaŭ pli sperta, kiam temas pri aferoj en kiuj petolas Amoro, ol dum la regado de la faraonoj...

LUIS HERNÁNDEZ (1906-1961)
Unua redaktoro de BOLETIN

---

# SENSENCAĴO

Ho, vi, kiu mansvingas telefonante!
Ĉu vi konvinkis iam, tion farante,
kunparolanton vian pri via pravo?
Se vere tiel estis, mi kriu: "Bravo!"
Sed tio ja verdire ebla ne estas
kaj do, karulo mia, mi vin sugestas:
antaŭ vi venontfoje metu spegulon
kaj jen en ĝi vi vidos... ridindan ulon!

ALCIBIADES GONZÁLEZ MEANA
La Felguera, 1973

---

## *KLARIGO*

Erare mi ne avertis en pasinta numero de BOLETIN, ke la foto pri la Fermo de la Kongreso en Beograd, apartenas al Heroldo de Esperanto. Volonte mi klarigas nun la aferon.

---

# KONSTANTE FRAPANTE: ESPEREMO



Unu el la geniaj trafoj Zamenhofaj, ĉu logika aŭ magia, ĉu konscia aŭ intuicia, ĉu homa aŭ anĝela: la nomo de la lingvo internacia: Esperanto. Senfinan esperon bezonas la esperantistoj, ĉiuj pacaj batalantoj por homara plibonigo, des pli malfacila se la plibonigo estas profunda, spirita.

Multaj gesamideanoj, eĉ eminentaj lingve, gramatike, organize —science aŭ arte eminentaj— se ili ne estis pri Esperanto senfine esperemaj, ili laciĝis, malvarmiĝis, velkis. Ili estis iel eminentaj, sed ne tiel ke ili ne trompiĝis pri nia afero. Se ili trompiĝis, almenaŭ ili devis tion kompreni, kaj eltenadi: senfine da semoj perdiĝas, ni semu kaj semu konstante. Se ĉiuj, kiuj seniluziiĝis ne estus perditaj por Esperanto, nia movado estus nun jam tre potenca, kaj, pro potenco, influa, altira. Ankaŭ forto konvinkas homaron, ne nur logiko, argumentado.

Ni memoras eminentulojn de Esperantujo, kiuj malbone ekzemplis pro sia esperfiniĝo, aŭ pro tio ke ili ne trovis en nia movado sufiĉe da profito ia aŭ alia! Eble ili malesperis, eĉ pri la profito, mallonge antaŭ ĝia alveno. Ili estis generaloj kiuj laciĝis forlasis bataladon foje ĵus antaŭ venko. Kaj tiel ili malutilis al si kaj al sia idealo al la popolo kiu fidis ilin, ilian kuraĝon kaj scion. Tiuj iam eminentaj samideanoj malfidelis. Ili ne estis sufiĉe sentemaj al la interna ideo, al la spirito de Esperanto, al la profunda kaŭzo ke nia lingvo longe vivas, dum tiom da imitaĵoj kaj "plibonigoj" malsukcesas. Tiuj pioniroj timis agadi senprofite, ridindiĝi en sia familio aŭ socio, aperante stranguloj laborantaj por idealo verda! Normaluloj laboradas por normalaĵoj: oficiala religio, arto, scienco, metio: eklezio, muziko, kemio, industrio, komerco. Por strangaĵo: universala lingvo en neniu lando postulata, nur stranguloj okupiĝas, priokupiĝas. Universala lingvo estas angla kun dolaroj kaj sterlingoj, literaturo kaj scienco, postulata en ĉiuj Kontinentoj.

Sen La Espero kaj La Vojo, malforta estus Esperanto. Sen animo ne estas lingvo. Certe malsukcesas en Esperantujo ne Esperanto sed malbonaj esperantistoj.

DELFÍ DALMAU (1891-1965)
Membro de la Akademio de Esperanto

---

# 10-an de decembro 1948 - 10-an de decembro 1973

25 jaroj pasis de kiam la Unuiĝintaj Nacioj akceptis la Universalan Deklaracion de la Homaj Rajtoj.

Dum tiu tempo multe oni parolis pri la Homaj Rajtoj, sed... ĉu en la mondo, oni efektive respektas la homajn rajtojn? Ni esperu ke en proksima estonto estu tiel. Intertempe, ni memorigu tiun 25-jaran datrevenon kiel la evento meritas.

La Ĉarto de UN eksplicite rekonas la principon de egaleco de ĉiuj homoj senkonsidere al diferencoj rasaj, seksaj, lingvaj aŭ religiaj. La lingva problemo estas unu el la plej gravaj en la mondo, kaj, sendube, Esperanto kiel neŭtrala vivanta lingvo estas la nura solvo por tiu problemo.

I. G.

# La Hispana folkloro

Prelego de
DRO. MIGUEL SANCHO-IZQUIERDO
okaze de la
IKUE-Kongreso en Zaragoza
jaro 1956ª



**Salamanca. Tipaj kostumoj, "charros"**

Mi volas antaŭ ĉio, peti de vi pardonon, se mia parolado ne estas sufiĉe perfekta. Mi speciale petas pardonon de la anoj de aliaj hispanaj regionoj, kies folkloro ne estos plene priskribita en ĉi tiu resumo necese mallonga. Mi petas de ili, ke, se okaze mi iel eraros, ili kompletigu miajn informojn aŭ korektu miajn eventualajn misojn: mi ilin anticipe dankas pro tio.

Mi volas komenci per la vortoj de Lia Sankta Moŝto la Papo al la hispanaj partoprenantoj en la Internacia Kongreso de la Virina Junularo Katolika (1.º de aprilo 1956):

"Pri via folkloro, malmultajn vortojn Ni povas diri, ĉar ĝi estas difinita kaj speciala kampo. En la nunaj tempoj, kiam furoras tiom da ekstravagancoj malutilaj al la bonaj moroj kaj eĉ al la homa digno mem en kampoj paralelaj al la viaj, Ni ne povas ne laŭdi tiujn prezentadojn en kiuj, sub la signo de la arto, kolektiĝas respektindaj tradicioj kun spirita enhavo plena de ĉarmo kaj esprimopovo. En sia diverso, la hispana lando disponigas abundegon da folklora arto, de la galega "muñeira", la vaska "zortziko" kaj la kataluna "sardana" ĝis la andaluza "malagueña" kaj la ĉie populara "jota", do oni povas elekti, sen ia bezono partopreni en malnobligaj ekscesoj kaj ekstravagancoj. Bonegan taskon, karegaj filinoj, vi efektivigas per tiaj prezentadoj indaj de la Katolika Agado, kies apostoleco devas manifestiĝi en ĉiuj kampoj".

Ĉi tiu citaĵo taŭgu, kiel plifortigo trakti pri nia folkloro antaŭ la katolikaj gefratoj kaj gesamideanoj, kiuj venis al nia lando okaze de nia Internacia Kongreso.

Nia folkloro estas tre varia, tial ke ĝi spegulas la grandan diferencon, kiu karakterizas la geografion hispanan, kies influo rimarkeblas en la vivkondiĉoj kaj la temperamento de la diversaj hispanaj regionoj.

En sia "Historio de la muziko", M. Clement skribis, ke "Hispanujo estas la plej riĉa lando en dancoj". De sia flanko Havelock Ellis esprimas en "La animo de Hispanujo" ke nia lando estas krisolo, kie fandiĝis tiom da popoloj kaj rasoj, ke en ĝi troveblas postsignoj kaj konkretaj manifestiĝoj de plej diversaj formoj adoptitaj de la homo por esprimi per la movoj de la korpo sentojn kaj emociojn.

Alia verkisto asertas, ke, en la aragona "jota", kaj en dancoj de Katalunujo kaj de aliaj regionoj proksimaj al la Pireneoj montriĝas iom de la grekaj dancoj. En la vaska regiono, la "zortzicos" igas nin memori, per siaj militecaj ritmoj kaj taktoj, la dancon kaj la muzikon de praaj tempoj. Se ni transiras nun al la maŭra Andaluzio, ni tie renkontas orientan kadencon, influo de la antikvaj "zam-

bras" kaj de, eble, aliaj kantoj de la fora Hindujo.

Ni komencu nian ekskurson en la humida Galegio, kie la maro penetras la bordon per longaj, fjordoformaj "rías", kaj kies zumado rimiĝas kun la sono de la galega sakfluto. La "muñeira" (tio estas, "muelistino" en la galega) estas la plej tipa kanto-danco de la regiono.

La grafino Emilia Pardo Bazán skribis: "la popola muziko de Galegio estas mirinda pro sia intima poezio kaj sia trista nostalgio, sed en la "muñeira" aŭ en la "alborada", la tristo ne tro elstaras aŭ kombiniĝas kun ia maliceta gajo aŭ kun vera eksplodo de ĝojo... Ĉi tiu mikso de melankolio kaj plezuro, la dubo, ĉu la "muñeira" kantas aŭ ploras, faras ĝin la plej delikata kaj sentimentala el ĉiuj hispanaj dancoj kaj reflekto de la karakterizoj de la lando kaj de la raso".

La kanto-dancoj de la najbara Asturio, akompanitaj ankaŭ de la kelta sakfluto, tre similas al la galegaj.

En "La hispana tradicia kanto", J. M. Torner skribas ke "Galegujo kaj Asturio, precipe ĉi lasta, konservas pli bone ol la ceteraj hispanaj regionoj la postsignojn de la primitiva liriko de nia duoninsulo, do estus supozeble konkludi, ke ankaŭ la postsignoj de la antikva muziko konserviĝas en la melodioj de tiaj kantoj".

Ĉiaj nunaj kantoj, tre lantaj kaj tristaj, finiĝas per tirata kaj trema krio nomata "ataruxo" en Galegujo aŭ "ixuxu", en Asturio.

En la dancoj povas partopreni nur viroj, nur virinoj, aŭ viroj kaj virinoj kune. Oni dancas ĝenerale en rondo kaj la dancantoj kuniĝas per la manoj aŭ per nur la etfingroj. Kiam viroj kaj virinoj dancas kune, ili formas du liniojn, viran fronte al virina.

La popoldancoj de Kastilio estas same lantaj kaj solenecaj; kaj la kantoj, sentimentalaj kaj tre esprimivaj, elvokas la vaston kaj la nudon de la kastiliaj ebenoj. La dancantoj, precipe tiuj de Salamanca, aŭ "charros", uzas tipajn kostumojn de granda beleco.

La ritmon de la kastiliaj dancoj oni batas per iu "pandero" (speco de tamburino) aŭ per alia frap-instrumento. Kelkfoje oni uzas ankaŭ tiucele kavan krucon, kien blovas la ludanto produktante basegan sonon.

Kiel dirite, la movoj estas lantaj, ĉefe tiuj de la korpo kaj la brakoj, dum la piedoj moviĝas iom pli rapide. Danci kun la korpo kiel eble plej senmova konsistigas grandan meriton. La virinoj levas alterne la brakojn, klakigante la kastanjetojn, per kiuj ili batas la takton.

Ni traktu nun pri la "seguidilla", kanto-danco komuna al la tuta hispana lando. Ekzistas "seguidillas" galegaj, asturiaj kaj aragonaj, kaj baldaŭ vi povos admiri la aragonan "seguidilla" de Leciñena, vilaĝo proksima al Zaragoza. Ankaŭ en Andaluzio ekzistas granda diverseco de "seguidillas".

Sed la klasika lando de la "seguidilla" estas La Mancha, naskoloko de Don Quijote. Tie, ĉe la korto de ia malnova vojogastejo, oni povis, en la pasintaj tempoj, admiri la aŭtentan dancon de la "seguidilla", kiu estas malfacile priskribebla.

La kanton konsistigas sep versoj: sepsilabaj la unua, tria kaj sesa; kvinsilabaj la dua, kvara, kvina kaj sepa. La melodio estas tritempa (kiel la plimulto el la hispanaj muzikaĵoj popolaj) kaj la takton forte batas la gitaro kaj la kastanjetoj, dum brakoj kaj piedoj moviĝas esprimoplene.

La plej tipa danco de Salamanca estas la "charrada", kie ĉiu junulo petas sian amatinon ĝin partopreni. En aliaj okazoj (kiel en la edziĝofestoj) la pli sperta geparo da dancantoj ricevas "bollo" aŭ "roscón" (specoj de brioĉoj) kiuj nomoj estas la samaj de la respektivaj dancoj.

Plej populara danco en León estas la "giraldilla", kun kadencaj kaj rapidaj turniĝoj, laŭ difino de la fama romanistino Concha Espina en ties verko "La esfinge maragata".

Fine ni menciu la dancon "el zángano" de Valladolid kaj "la danza de las manzanas" de Lagartera, en la provinco Toledo.

Kaj nun, ni vojaĝu al la kataluna regiono, kies dancojn la verkistoj trovas similaj al tiuj ĵus menciitaj, pro ties ritmo, sereneco kaj esprima forto.

La plej tipa kataluna danco estas la "sardana", kiun Maragall prikantis en

bela poezio malfacile tradukebla, kaj kiu rivelas la nekonfuzeblan personecon de la regiono kataluna.

Ĉi tiu danco devenas, laŭ multaj verkistoj, (inter ili la provenca poeto Federico Mistral) de la klasika Grekujo. Eble ili memoris, ke ie en Iliado oni priskribas similan dancon.

José María (Pep) Ventura, naskiĝinta en 1817, perfektigis kaj aranĝis la melodian strukturon de la "sardana" kaj donis novan vivon al la nomata "cobla", grupo formita de maksimume dek muzikistoj, kies "tenora" (speco de hobojo) komencas la melodion, ĉe kies takto oni dancas. La dancantoj kuniĝas per la manoj kaj faras rondon, kiu sin movas dekstren aŭ maldekstren laŭ la tradicioj de la diversaj lokoj de la danco. Dancante la "sardana", oni devas kalkuli la longajn kaj la mallongajn paŝojn por ne perdi la takton de la melodio.

En Balearoj ekzistas diversaj kaj belaj dancoj, kiujn oni interpretas prefere en ĉiuj festoj. La tiel nomata "mateixa" estas la plej ĉarma kaj populara danco en la insulo Mallorca. Ankaŭ la nomataj "parado" kaj "bolero mallorquín" nombriĝas inter la belaj kaj popularaj dancoj de tiu insulo.

Kontraste kun la abundo de dancoj en Mallorca, ne ekzistas propraj karakterizaj dancoj en Menorca. Tamen en la insuleto Ibiza oni renkontas multe da originalaj dancoj, ĉefe la nomataj "curta" kaj "llarga".

La valencia "jota", ĉefa danco de la valencia regiono, havas ian romantikan fundon de araba influo. Ĝia kantaĵo pli similas al la aragona koplo, dum ĝiaj tiel nomataj "varioj", pli similas ritme al la katalunaj dancoj.

Mi legis kaj aŭdis ion pri la danco "del copeo", komuna al la baleara kaj valencia regionoj, sed persone mi ne spektis ĝin.

El la seriozaj kaj tirataj dancoj de la kastilia kaj kataluna teroj ni transiras al la lumaj, viglaj kaj graciaj dancoj de Andaluzio. Ĉar la andaluzia regiono ne estas unuforma, kaj sekve ankaŭ ne ĝiaj kanto-dancoj, troviĝas tie multe da varioj, kies nomoj ofte devenas de la nomo de la urbo aŭ vilaĝo, kie ili originis: "olé gaditano", de Cádiz; "jaleo", de Jerez; "rondeña", de Ronda; "malagueña", de Málaga; "granadina", de Granada; "sevillana", de Sevilla. Ĉi-lasta, ĉefurbo de Andaluzio, estas tamen la precipa fokuso de la popolaj danco-kantoj de la regiono, kaj la loko, kie oni fandas, transformas kaj renovigas la dancojn de pasintaj tempoj.

Diras Capmany, ke "Cádiz estas la sintezo de la Andaluzio gaja, ŝercema kaj senzorga, kaj sidejo de la "sal" aŭ "sandunga", tio estas, de tiu pikanta sprito tiel propra al la andaluzoj". Cetere, la virinoj de Cádiz plej lerte ludas la kastanjetojn, la "betica crismata" de la antikvaj epokoj.

Tamen, iu franca aŭtorino de la pasinta jarcento asertas, ke la dancoj plej esprimivaj kaj la kantoj plej melodiaj troviĝas en Málaga. La "malagueña" kaj la "rondeña" tre similas inter si. La dancon kutime akompanas kanto konsistanta el strofo de kvar versoj oksilabaj, aŭ "copla".

En la "granadina" ordinare partoprenas nur unu dancistino.

La "sevillana" karakterizas la andaluzian ĉefurbon kaj devenas de la malnova "seguidilla", pli supre menciita. En ĝi povas partopreni unu aŭ pli da paroj. Danco esence populara, la "sevillana" interpretiĝas, pro sia gracio, tiel same en la popolaj festoj, kiel en la teatroj kaj aristokrataj salonoj.

Aliaj dancoj de Sevilla estas la "vito" kaj la "zapateado", ambaŭ viglaj kaj leĝeraj kaj la "polo", kies nomo same esprimas sentimentalan kanton. Tiujn dancojn ordinare interpretas nur unu dancistino.

Krom iuj el la menciitaj manifestiĝoj de la andaluzia folkloro, povas ekzisti kaj ofte ekzistas ankaŭ kantoj solaj, sen interveno de dancoj.

Karakteriza de Andaluzio estas la "cante jondo" (kanto profunda), kies epiteto "profunda", laŭ kelkaj aŭtoroj, uziĝas en la senco "intima". Parton de la "cante jondo" estus la "cante flamenco", kiun, laŭdire, kunportis en la landon, en la epoko de Karlo la V^a^, la ciganoj flandraj.

Tamen, aliaj aŭtoroj asertas, ke la du stiloj de kantoj apartenas al du diversaj skoloj, nome, la "cante jondo" estus reprezentita de la "seguiriya



Sevilla. Festo en "Caseta de Feria"

gitana", el kiu devenas aliaj kantoj: "martinetes", "polos" kaj "soleares", kaj, eble, ankaŭ la "carcelera", laŭ opinio de L. S. Lucena kaj, pli frue, de Manuel de Falla. La grupon de la "cante flamenco" formus la plej novaj kantoj: "rondeñas", "malagueñas", "granadinas", "sevillanas", ktp.

Ĉu "jondo", ĉu "flamenco", la andaluzia kanto diskrias la homajn pasiojn, ĉefe la amon kun ties plezuroj kaj suferoj. Tial, sub la helo kaj eleganto de la andaluzia folkloro travidiĝas ia nedifinebla tristo.

Se ni vojaĝas pli suden, sur la Atlantiko, ni renkontas la belan Kanarian arĥipelagon, en kies riĉa folkloro elstaras la fama pilgrimado de San Benito, en La Laguna, kaj, kiel plej konata, la kanto-danco "Isa".

De la sudo de Hispanujo ni venu al la nordo. Estas tradicia moro de la vaska popolo danci kolektive kaj sub la libera aero antaŭ la aŭtoritatoj, ĉu en la patronaj festoj, ĉu en la solenado de ia glora evento, ĉu alikaŭze.

En la fundo de la vaskaj dancoj popolaj kuŝas ia militeca spirito, kiu bone kongruas kun la sento de sendependeco de ĝia popolo. Karakterizaĵo de ĉi tiuj dancoj estas, ke la partoprenantoj dividas sin en geparojn kiuj levas la brakojn super la kapo kaj faras per la piedoj graciajn kaj rapidajn movojn.

En sia verko "La vaskoj" M. Rodríguez Ferrer skribis interalie, ke la ĉefa vaska danco nomiĝas "aurrescu", kiu en la vaska signifas "reĝa danco". Komence la dancantoj staras linie, kunigite per la manoj, kaj formas la tiel nomatan "ŝnuro". La staranto ĉe la ekstremo sin disigas, ĵetas sian bereton sur la teron kaj salutas, dume farante per la piedoj rapidajn plektomovojn kaj saltante. La samon ripetas la aliaj dancantoj de la "ŝnuro". En alia fazo de la danco, ĉiu viro dancas izole antaŭ la junulino prezentita al li de aliaj du dancantoj, dum ŝi rigardas lin serioze kaj preskaŭ severe. Kiel parto de la "aurrescu", aŭ kiel sendependa danco, ekzistas ankaŭ la tiel nomata "ariñ-ariñ", kiu signifas "rapide-rapide".

Alia manifestiĝo de la vaska folkloro, kelkfoje danco-kanto, sed ordinare nur kanto, estas la "zortzico". Pro tio, ke ĝi superregas laŭ populareco estas komprenebla la eraro aŭ konfuzo kiujn jam rimarkis Telesforo de Aránzadi ĉe kelkaj aŭtoroj fremdaj, ne tre spertaj pri la aferoj vaskaj, ke ili nomas ĉiujn kantojn vaskajn "zortzico".

Fine ni parolu pri la aragona folkloro, precipe pri la "jota". Kvankam ekzistas aliaj manifestiĝoj de tia folkloro, kiel la menciitaj "seguidillas" de Leciñena, aŭ la "bolero" de Caspe aŭ Alcañiz, la "jota" regas kiel plej populara kaj konata.

La "jota" estas unualoke danco, kaj nur poste ankaŭ kanto. ĝi populariĝis eble dum la milito kontraŭ la invadintaj trupoj de Napoleono en la komenco de la deknaŭa jarcento.

Ekzistas do la "jota" kiel nura danco, sen kanto akompana; la ritmon de la muziko batas la kastanjetoj aŭ "pulgaretas" (vorto derivita de "pul-

gar" aŭ polekso, ĉar al tiu fingro oni ilin aliigas en Andaluzio, de kie la kastanjetoj venis, kvankam en Aragono oni ilin fiksas al la longa fingro); ilin klakigas ne nur la gedancantoj, sed ankaŭ kelkaj el la ĉeestantoj.

Vario de la "jota" estas la "jota de ronda", kiun en pasintaj tempoj oni kantis antaŭ la domoj, kie loĝis la junulinoj amataj de la kantantoj, aŭ defie antaŭ rivala grupo. Nun tiaj "jotas de ronda" prezentiĝas nur kiel folklora spektaklo.

La legendo atribuas la originon de la "jota" al arabo nomita Aben-Jot, sed tio havas nenian solidan bazon. S-ro García Arista konata specialisto pri aragona folkloro, trovas la etimologion de la vorto "jota" en la arkaika verbo "sotar", kiu signifas "salti", kaj respondas al la franca "sauter", la latina "saltare", la sanskrita "sal" kaj la vaska, de origino ibera, "zut".

Tiu ĉi etimologio pli konformas al la "jota", kiun oni dancas en la Centra aŭ Meza Aragono (tre rapida kaj energia, nomata "zaragozana") ol al la joto de la Malalta Aragono (Albalate, Alcañiz, Calanda, mia naskiĝa vilaĝo) kun ritmo malpli vigla kaj iom simila la baleto.

La kantaĵo de la "jota", nomata "copla", "canta" aŭ "cantar" konsistas el strofo el kvar versoj oksilabaj. La kantanto komencas de la dua verso, poste diras la unuan, denove la duan, poste la trian, la kvaran kaj fine ripetas la kvaran kaj la unuan.

La "jota" montras fortan kontraston kun la andaluziaj kantoj. Luis Royo Villanova skribis pri tio en decembro 1897 per poezia alegorio, kiu pli reliefigas la karakteron kaj esencon de la aragona kanto:

"La andaluzia gitaro estas brila kaj hela; ĝia longa brako finiĝas per flora bukedo aŭ per banto el rubandoj de diversaj koloroj; sur ĝia polurita korto fingrumas karese la delikataj kaj nervaj manoj de la poeto. La aragona gitaro estas malhela; ĝia brako havas nek rubandojn, nek florojn; la ŝvito produktita de la laboro nigrete makulis ĝian korpon kaj tie, kie finiĝas la kordoj, estas algluita ligna koro, kiun la gitaristo frapas, kvazaŭ sur la propran koron."

Mi ne devas plu longigi mian paroladon, ĉar vi ĵus spektos la "jotan" en ties danco kaj kanto.

Mi volas aldoni nur, ke la "jota" simbolas la aragonan karakteron, kion mi vaste traktis en mia parolado okaze de mia aliĝo al la Reĝa Akademio de Beletro kaj Belartoj. La jota simbolas la religiemon, la patriotismon, la fieron, la senton de sendependeco de la aragona popolo; kaj ankaŭ ĝian ironion, kiu kelkfoje fariĝas akra. Tiaj karakterizaj trajtoj de la aragonanoj bone speguliĝas en la koploj de la tradiciaj "jotas". Ĉio ĉi esprimiĝas en bone komponita kaj elkore kantata koplo de jota.

---

## NI GRATULAS

**Unu plian fojon ni devas gratuli al nia kara samideano kaj amiko, la katala luna kaj Esperanta poeto, S-ro Gabriel Mora i Arana.**

**Ĉifoje, la premio, kiun li atingis, estas la "Violo el oro" ĉe la urbo Valencia. Ĉar jam trifoje li estas gajninta "ordinaran" Premion en tiuj Floraj Ludoj, li konsekvence, atingis la titolon "Mestre en Gai Saber de "Lo Rat Penat".**

---

## *XVI^a KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO*

La venontjara Kataluna Esperantista Renkontiĝo okazos en Cervera (Lérida), la 7-an kaj 8-an de Septembro 1974.

# ESPERANTISTO KONFESIĜAS

Mi lernis Esperanton kiam mi estis 15-jara knabo kaj tio okazis dum la kriza jaro 1937. De tiam vere multe pluvis...

Dum mia esperantista vivo mi provis alporti mian sableron al la komuna celo de nia nobla ideo kaj sincere mi manifestas ke je la komenco mi fidis esperantigi la tutan landon en malmulte da tempo; poste mi jam konstatis ke la afero estas iom pli malfacila ol mi supozis kaj tra la jaroj mi lernis ke la homaro ne facile akceptas la perfektajn solvojn.

Pro mia strebado por konigi la Zamenhofan kreaĵon mi ofte ŝvitis, mi elspezis iom da mono, mi laboris horojn kaj tagojn, sed neniam mi povos pagi al ESPERANTO la ĝojojn kiujn mi ricevis dank' al mia idealo.

Mia horizonto ege vastiĝis, mi akiris geamikojn tra la tuta mondo, mi lernis pensi internacie kaj mi havis motivon labori por inda ideo.

Miloj kaj miloj da leteroj, tra la jaroj, alportis al mi la senton de bonvolemo kaj amikeco; inter ni ne estas landlimoj kaj ne gravas la koloro de nia haŭto nek niaj religiaj kaj politikaj kredoj. Ankaŭ mi partoprenis kelkajn Naciajn kaj Universalajn Kongresojn; en Esperantujo mi estas feliĉa.

Dum mia sincera agado por la internacia lingvo kaj antaŭ 16 jaroj, oni konsideris ke mi devis helpi zorgante la administrajn aferojn de Universala Esperanto-Asocio en mia lando. Poste venis la reprezentado de HEROLDO, SCIENCA REVUO, k. t. p.

Mi ne povis rifuzi kaj dum la indikita tempo mi provis plenumi kiel eble plej bone kaj efike mian taskon. La laboro ne ĉiam estis facila, sed ankaŭ la ĝuo superis la malfacilaĵojn.

La tempo ne vane forpasas; miaj profesiaj laboroj ankaŭ kreskis; la manko de la efika helpo de mia filino kiu edziniĝis kaj jam estas patrino, estas kaŭzoj kiuj jam de tempo alportis al mi al la konkludo ke mi ne plu povis daŭri.

La kialo de la hodiaŭaj linioj kiujn vi nun legas estas sciigi, ke mi ne plu estos Ĉefdelegito de UEA, reprezentanto de HEROLDO, SCIENCA REVUO, k. t. p.

Tutkore mi volas danki al ĉiuj kiuj dum 16 jaroj helpis min en la kolektado kaj sendo de kotizoj kaj abonoj. Mi ne volas citi nomojn ĉar eble mi forgesus iun, sed ili estu certaj ke neniam mi forgesos ilian egan helpon kaj ke se mia laboro iam sukcesis, estis dank' al la sindona helpo de sennomaj herooj disigitaj tra la tuta lando.

Kompreneble mi daŭros laborante, laŭ miaj eblecoj, por mia komuna celo. Persone mi estas senkondiĉe je la dispono de ĉiuj. Fine mi volas peti senkulpigon se iam en la plenumo de mia laboro mi ne estis sufiĉe akurata aŭ efika en la solvo de iu ajn problemo; eĉ la esperantistoj erariĝas.

Moyá 1973
RAMÓN MOLERA

Kiam S-ro Ramón Molera forlasas siajn postenojn, unuavice, kiel Ĉefdelegito de UEA kaj ankaú kiel reprezentanto de gravaj revuoj, mi deziras esprimi al li nian dankon pro lia helpo kaj bona servo ĉiuokaze.

# ANTAŬ LA 26ª INTERNACIA FERVOJISTA KONGRESO DE ESPERANTO

*Iom pri Tarragona-provinco*

*SANTA MARIA DE POBLET kaj SANTES CREUS*

Specialan atenton meritas la du grandaj monaĥejoj de la Cister-Ordeno, kiuj troviĝas en la provinco Tarragona.

Unu el la plej malnovaj, kaj eble la plej grava el la cistercianaj monaĥejoj, kiuj troviĝas en Hispanujo estas la Monaĥejo "Santa María de Poblet", kiu situas en la provinco Tarragona, en la suba parto de la montoj de Prades. Ĝi estis fondita en la jaro 1149ª de la Grafo de Barcelona, Ramón Berenguer la IVª, kiu donacis al la monaĥoj de Font-Froide terenon nomitan "Populetum" ĉar en ĝi kreskis "pobos" (tremoloj) de kiu devenas la nomo Poblet.

Komenciĝis la konstruado de la monaĥejo en la XIIª jarcento kaj ĝi daŭris ĝis la komenco de la XVª. La konstanta protekto al la monaĥejo fare de la aragonaj reĝoj, kiuj uzis ĝin kiel panteonon, kaj speciale de Pedro la IVª kaj Martín "El Humano", kiu konstruigis la nefinitan palacon, same kiel tiun de nobelaj familioj: Cervera, Cardona, Anglesola kaj Foch faris el la monaĥejo unu el la monumentaj mirindaĵoj el Hispanujo, de granda arkitektura merito kiel transira verko de la romanika al la gotika stilo, kaj prospera ekonomia kaj religia vivo, kio estis origino de aliaj monaĥejoj, ne nur en la provinco, sed en aliaj regionoj, kiel la "Monasterio de Piedra", en Zaragoza-provinco, la Reĝa Monaĥejo el Mallorca kaj tiu el Benifasar. De post 1885, multaj artaĵoj de la monaĥejo malaperis; malgraŭ tio konserviĝas, preskaŭ kompletaj, ĉiuj flankaĵoj kiuj konsistigis tiujn monaĥejojn kun ĉiuj tipaj trajtoj de la Cister-Ordeno.



**Monaĥejo, Sankta María de Poblet**

Ĝi havas du remparzonojn, sed interne de la dua estas kie troviĝas la plej notindaj konstruaĵoj: la preĝejo de la XIIª-XIIIª jarcentoj, ne tro ornamita, kiel devas esti templo de la filoj de Sankta Bernardo; ĝia transepto estas riĉigita per la reĝaj tomboj de la aragona dinastio; la klostro kun romanikaj kaj gotikaj aloj, la kanonikara aŭlo de la XIIIª jarcento; la admirinda biblioteko ankaŭ de la XIIIª kaj la palaco de fino de la XIVª kaj komenco de la XVª.

En la unua remparzono troviĝas la kapelo dediĉita al la Virgulino de la Rozario, ordinare nomata de Sankta Giorgio. Ĝi estas ŝtonkonstruaĵo de la lasta periodo de la ogiva stilo; ĝi estis konstruita en 1442, de Alfonso la Vª "El Magnánimo (La Grandanima), reĝo de Aragón.

Nuntempe la Monaĥejo estas riparita kaj denove ripozas en ĝi la postrestaĵoj de la reĝoj de Aragón kaj Katalunujo, kiuj dum pli ol unu jarcento konserviĝis en la Katedralo de Tarragona.

La Reĝa Monaĥejo Santes Creus, apartenas al sama epoko, kiel tiu de Poblet. Ĝi situas sur la maldekstra bordo de la rivero Gayá, je 30 km. de la ĉefurbo.

La sobra strukturo de ĝia preĝejo de gotika stilo de la XIVª jarcento, kun tri navoj, tre speciala absido, kaj en kies transepto troviĝas la tomboj de la reĝoj Pedro la IIIª "El Grande" kaj Jaime la IIª "El Justo", forte kontrastas kun la Klostro, ege ornamita en ĝiaj kapiteloj kaj kies fenestroj de flama gotika stilo estas eksterordinare belaj. La Kanonikara Aŭlo, la sobra dormoĉambro, la malgranda klostro kaj la kortoj de la Reĝa Palaco konstruita sub la protektado de la reĝoj Jaime la IIª kaj Pedro la IVª "El Ceremonioso" en la XIVª jarcento, kune kun la ĝardeno de la antikva tombejo formas artan tuton de neesprimebla beleco.

I. G.



Monaĥejo Santes Creus, Reĝaj tomboj

---

Con arreglo al artículo 24 de la vigente Ley de Prensa e Imprenta, ponemos en conocimiento de nuestros lectores que los señores que constituyen los órganos rectores de la revista, Boletín de la Federación Española de Esperanto, son los siguientes:

Director: D. Domingo Martínez Benavente
Redacción: D.ª Inés Gastón Burillo

La revista está financiada por la Federación Española de Esperanto, cuyas cuentas fueron presentadas por el Tesorero de la misma, D. Gerardo Flores Martín, y publicadas en el número de la revista correspondiente a los meses de julio-agosto del corriente año.

---

## *XXXIVª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO*

Organizita de Hispana Esperanto-Federacio

Okazonta en Valladolid de la 18ª ĝis la 22.ª de julio 1974

LOKA ORGANIZA KOMITATO. — Prezidanto, Mariano Cantalapiedra Nieto; Vicprezidanto, Angel Diez García; Sekretario, Luis Hernández García; Kasisto, Mauro López Nalda; Membroj, Carmen Conde Labajo, Gonzalo Castañón Marcos, Luis Martín Herrero, Jesús Hinojal Abia, Juan Miguel Piquero Muñiz kaj Clementina Tranque

Konstanta adreso de la Kongreso: str. Dos de Mayo, 4, bajo - VALLADOLID

# AMA KANTO

En la koroj ĝojo nestas;
brilas vaste la lazuro.
Inter branĉoj, la susuro
de l' sekretoj, kantoj restas
— abelaro, aŭ kolibroj.
Diafanas freŝaj revoj
kaj fruktiĝas sanktaj devoj;
kuntiriĝas niaj fibroj
pro feliĉo plej intima.
La saĝeco de la libroj
— liberiĝo tutanima —
estas, nun, poem' etera
kaj, dumnokte, svarmo glima.
Jen, plezuro virge vera
je parfumo lonicera
sen fantomoj de fisorĉo.
Nin lumigas suna torĉo
de la amo plej sincera
(ne, de kvina luna fazo.)
Niaj koroj batas fide;
ni gustumas, duonride,
la mielon —kaj senbride—
de la kisoj, kun ekstazo.
Ĉu ni revas, ĉu ni sonĝas?
En la vivon kune plonĝas
ni, per salt', okulfermite.
Niajn korojn daŭre ronĝas,
tre karese kaj profite,
la museto de la amo,
sen laciĝo nek sveno.
Vento milda el poleno
flagras kiel nobla flamo,
kaj nin volvas tre subtile.
Talismanas raraj plantoj;
orakolas la lekantoj
de l' feliĉo, plej ĝentile
— kaj la birdoj, ĉiuj trile,
senkorpiĝas en la kantoj.
La rikolto plenabunda
de la am' en paca ruro,
ja montriĝas plej fekunda
kun reven' de flug' hirunda
laŭ blueco de futuro.
Jen, heliĝas rekta vojo
kiu celas al prospero.
Fido nia! Lirlas rojo;
plimultiĝas brava ĝojo...
Eden' nova sur la tero!
Ĉiu branĉo, ĉiu sproso,
ĉiu herbo delikata,
ho, paradas kun la roso
de l' aŭroro plej amata,
kaj ni dronas en etoso
idilia, pro patoso
de la fantazio flata
Kunestado plej feliĉa;
malapero de la duboj.
Forfandiĝas nigraj nuboj,
kaj la sango estas riĉa
pli ol min' je fajna oro.
Mondo bela, harmonia,
laŭ la taktoj de la koro,
sen malvarmo nek angoro,
sed en lum' de helpo dia.
Bela tago: akvofalo
el iriza idealo
kaj realo poezia
— nia pano, nia salo.
Ama kanto, amo nia,
poezio de l' realo.

*Gabriel MORA i ARANA*

## HISPANA LIRIKO

*LUIS DE GONGORA Y ARGOTE naskiĝis en Córdoba, en 1561, kaj mortis en 1627 en la sama urbo. Laŭ multaj kritikistoj, Góngora estas la kulmino de la lirika poezio hispana. En lia verkaro montriĝas du periodoj: en la unua, ĝis 1611, Góngora komponis ĉarmajn romancojn kaj kanzonojn sub la inspiro de la tradicia poezio. En la dua periodo, de post 1611, li sin esprimas per la tiel nomata kultismo aŭ gongorismo, eksplodo de metaforoj, hiperbatoj kaj neologismoj.*

*Góngora tre influis la hispanan poezion nuntempan. Al lia unua periodo apartenas.*

### FRATINET' MARIA

Fratinet' Maria,
morgaŭ estos festo;
vi do ne vizitos
l'amikinan hejmon,
same mi ne iros
studi al lernejo.
La gainon belan
vi al vi surmetos,
la plej bonan jupon
kaj la kapo-reton.
La ĉemizon novan
kaj la lan-ŝtrumpetojn
portos mi, kaj bluan,
bonkvalitan veston,
kaj, se l' suno brilos,
ĉapon el flanelo
—la avin- donacon
en la Pask-celebro—,
kaj la kol-rubandon
kun medal' en pendo:
la najbar-akiron
en foir-vendejo.
Ni la kirkon iros
kaj aŭskultos meson.
De l' onklin' pot-venda
monon ni ricevos.
Por regalo nia
tiam ni aĉetos
—kaj ĝin prisekretu—
tre bongustajn berojn.
Ludos mi je taŭroj
jam en la vespero.
Vi kun la fratinoj
Juana, Magda, venos,
kaj kun Marta, Tŭerta
—la du kuzinetoj—
en la placo lude
la pupetojn flegos.
Kaj se panjo donos
al vi kastanjetojn,
povos vi ĉe l' pordo
danci ĝis elĉerpo.
Andreŭela kantos:
"Panjo, viaj herboj
min ne resanigis:
vanis la rimedo".
El papero ia
tajlos mi livreon;
kun morusa ŝmiro
bele ĝi aspektos;
mi kapuĉon faros
plenan de kreneloj;
kiel nigran tufon,
la du plumojn metos
el la vost' de l' koko,
kiun en ĝardeno
ni ĉasadis ride
antaŭ la Karesmo.
Flagon mi alfiksos
tuj al longa vergo,
kaj du blankajn kvastojn
al la ŝnuraj plektoj;
en la kan-ĉevalon
ledan kapon premos,
kaj la bridoparon
faros el fadenoj.
Rajde, kapreole
mi la straton tretos
kun kvartalaj buboj,
kiuj nombras dekojn,
kaj la etan placon
turnos en arenon;
tiel Barbolilla
vidos nin kaj spektos.
Ŝi, panistidino,
panon kun butero
al mi ofte donas
kun kontenta sento,
ĉar mi kaj ŝi kune,
kaj de temp' al tempo,
kaŝe post la pordo
faras aferetojn.

**Traduko:** ***F. de Diego***

## LA NOTLIBRETO DE BONAJ AGOJ

"La skolto ĉiutage faras unu bonan agon". Tiel tekstas nia kodo, kaj ĉi tiu estas unu el ĝiaj plej belaj maksimoj. *Faras;* ne, *devas fari;* pli ol leĝo, ĝi estas definitiva jeso, esenca cirkonstanco por esti vera skolto; en la vivo oni prezentiĝas centoj da okazoj por bone agi; do, nur la volo determinas la realigon de la fakto, kaj la volo de skolto ĉiam estas nobla.

Sed, se ni prenas ĉi tiun maksimon kiel regulon kaj ne kiel aserton, oni vidas ke ĝia senco anstataŭ rilati la skoltojn oni povus ĝin apliki al la tuta homaro, ĉar ĝi estas inspirita en la natura leĝo. Efektive, oni povas kaj devas doni ĝin rilate al ĉiuj homoj, kaj la skoltoj celas esti veraj homoj; sed tiel kiel inter la skoltoj oni obeas ĉi tiun leĝon, eternan pro ĝia esenco, pri la homaro ni nur kuraĝas diri ke ĝi povas kaj devas ĝin plenumi, sed ni ne jesas definitive, ĉar kvankam ni determinas la karakteron de tiu kiu celas esti *homo,* ankoraŭ ni ne trovis sufiĉan nombron da modeloj per kiuj oni povas difini vere bonan homon, kiu direktiĝas tra la vojo de Dio signita. Ni parolas, do, ĝenerale, kaj ni konsideras esence skoltoj ĉiujn, kiuj, kvankam ne apartenas al nia Institucio, havas la celon bone agi.

La malsameco inter la *skoltoj* apartenantaj al niaj asocioj kaj tiuj kiuj ne apartenante al ili, ne povas tiel nomiĝi, aperas kiam oni deziras realigi ĉi tiujn idealojn. Nia organizaĵo kiel asocio ordonas nin ke ni kunportu kajereton en kiu ni notu la plej elstaran bonan agon, kiun ni realigas ĉiutage. La utileco de tiu notado estas la temo de ĉi tiu artikolo.

Unuavide ŝajnas ke bone agi por ĉiam rememori niajn bonajn agojn pere de notoj, povas eksciti nian vantecon; divenante nian propran valoron en pedantecon. La bona ago devas esti, sen fari el ĝi elmontron pri vanteco antaŭ la aliaj personoj nek antaŭ ni mem. Sed ne estas tiu la celo de la kajereto. Estus tre nobla tiel agi, sen iu ajn normo, sed por atingi ĉi tiun idealecon en niaj agoj, oni bezonas ke ni alkutimiĝu per pli facilaj rimedoj. Kaj, laŭ la eksperto montris al ni, pli bona rimedo estas la prinotado. Bonkora homo ĉiam agos bone; li efektivigos siajn agojn favore al aliuloj, ĉiam kiam estos okazo, sed ĝenerale nur kiam la okazo prezentiĝas antaŭ li. Tamen, se tiu homo decidis kiel normon skribi en sia kajereto, ĉiutage, unu bonan agon, li ne atendos la okazon; li serĉos ĝin por ne lasi malplena la spacon. Kaj, se oni konsideras bone ke oni realigu la agon ĉiam kiam prezentiĝas la okazo, estas multege pli bone ke ĉiu ulo, laŭ siaj fortoj, iru impulsita de kiĥoteska spirito por protekti la prematan malfortulon, respekti la fortulon kiu sin gvidas je la justeco kaj batali lin se li estas maljusta premanto de aliuloj; ĉiam estanta,

> Kun la malfortulo, kompatema,
> Kun la tirano, rigora,
> Kun la kamarado, afabla,
> Kun la fiera, aroganta.
> Humila, kun tiu kiu estas bona.
> Kun ĉiuj, cedema;
> Ĉiuokaze, kuraĝa,
> Kaj antaŭ la danĝero, serena.

Ĉi tiu idealista spirito preskaŭ malaperis sufokita de la materialismo superreganta en nia jarcento. Hodiaŭ, al Don Kiĥoto oni konsideras kiel frenezulo, ne kalkulante lian noblan penadon; kaj se nuntempe oni ne povas elstare revivigi ĉi tiun belan figuron kun la gloro, kiun ĝi meritas, en decidiga formo, kio konsistigos revolucion en la ideoj, almenaŭ ni klopodu iniciati transiran periodon, revante kiel li, por atingi la gloron kiam jam ne estos eble al ni ĝui ĝin en la mondo.

Ĉi tiu estas la rezulto de nia kajereto; impulsi nin, ne al bonfarado, sed al serĉado de la okazo bonfari. Ĉi tio devas esti la komenciĝo de nia irado tra la vivo. Unue, kiel infanoj, plori, se iam ni ne trovas okazon por realigi agon indan por esti notita sur folieto el papero. Poste, jam homoj, alkutimiĝintaj al tiu devo, agrabla ĉar altrudita de ni mem, la konscienco povos esti la plej

bona notlibreto, por ke, sen flateco por nia vantemo, ni povu memori la maksimon kiu dum pluraj jaroj nin gvidis: "Agu bonfare".

Bedaŭrinde estas honestaj personoj, kiuj antaŭ la reganta materialismo forgesas tiun maksimon, ĉar ili timas ŝajni ridindaj. La skolto, do, ne timas mokojn kiam li devas bonfari. Neniu nobla homo tion timas, kaj la skolto estas nobla aŭ ne estas skolto.

Zamenhof esprimas la ideon pri ridindaĵo per belega poemo "La Vojo", kiu tekstas jene:

Tra densa mallumo briletas la celo,
al kiu kuraĝe ni iras.
Simila al stelo en nokta ĉielo,
al ni la direkton ĝi diras.
Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
nek batoj de l' sorto, nek mokoj de l' homoj
ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita
ĝi estas, la voj' elektita.

Ni daŭrigu nian vojon bone signitan de niaj idealoj, sed ne timante la noktajn fantomojn nek la batojn de l' sorto, nek super ĉio la ridojn de aliuloj; se la animo senkuraĝiĝas kaj teruras nin la timo al ridindigo neniam ni povos atingi nian celon, ĉar ridindaĵo ofte troviĝas en nia socio, kiu konsideras pli facile diri spritaĵon ol rezoni.

Zaragoza, 1926

RAFAEL GASTÓN (1908-1963)
Patrolestro de "El Sarrio" de la 4.ª kategorio,
de l' Trupo de Zaragoza
Reprezentanto en Hispanujo de S. E. L.

---

# TAGO DE LA LIBRO EN ESPERANTO, TAGO DE ZAMENHOF

Kiel ĉiujare, la 15-an de decembro, la esperantistoj en la mondo festos la Tagon de Zamenhof, 114ª datreveno de lia naskiĝo, kaj la Tagon de la Libro en Esperanto.

Dum jarcentoj, la lingva problemo priokupis aron da filozofoj, filologoj, sciencistoj kaj pedagogoj. Neniu antaŭ D-ro Zamenhof, sukcesis doni solvon al la problemo, ĉefe, ĉar neniu el ili sukcesis doni animon al la lingvo antaŭe kreita por ke ĝi estu vere vivanta lingvo.

Nun, la problemo, dank' al Dro. Zamenhof estas solvita, nur mankas ke la koncernaj Instancoj en la diversaj landoj decidos adopti la Internacian Lingvon Esperanto kiel solvon por la ekzistanta lingva ĥaoso.

La Literaturo estas kvazaŭ la animo de la lingvoj ĉar pere de ĝi montriĝas la animo de la popoloj. Laŭdinda decido estis deklari la 15-an de Decembro, kiel Tagon de la Libro en Esperanto.

En tiu tago, mi ĝojas informi vin pri la apero de kvin pliaj titoloj sub la marko STAFETO, ili estas: "...kun siaspeca spico!" de Raymond Schwartz; "Vojo kaj Vorto" de R. Passos Nogueira; "Ni kaj Ĝi" de Gaston Waringhien; "Esploroj" de Baldur Ragnarsson kaj "La arbo de la sciado" de Pío Baroja, en traduko de Fernado de Diego.

Pri la apero de ĉi tiu laste nomita verko, ni jam informis en via revuo siatempe, same, kiel siatempe ni informis pri la apero —ankaŭ en ĉi tiu jaro— de la verko "Kun sopira koro", (Rimas) de Becquer, ankaŭ en traduko de Fernando de Diego kaj eldonita de H. E. F.; sed mi konsideras oportune memorigi vin pri ili en la Tago de Zamenhof, Tago de la Libro en Esperanto.

Red

## KONGRESA REZOLUCIO

La 58ª Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Beograd de la 28-a de julio ĝis la 4-a de aŭgusto 1973, kun 1.638 partoprenantoj el 42 landoj,

*konstatas*, ke la rezultoj de la Eŭropa Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro okazinta en Helsinki komence de junio 1973 signas plian paŝon al politika malstreĉiĝo en Eŭropo kaj donas esperon de pli intensa ekonomia kunlaborado kaj kultura interŝanĝado;

*aparte aprezas* la perspektivojn de amasa komunikado inter la eŭropaj nacioj kaj unuopuloj sur ĉiuj kampoj, ek de sciencaj kaj intelektaj interŝanĝoj, tra televido, radio kaj gazetaro, ĝis kultura turismo kun partopreno de la plej vastaj popoltavoloj;

*atentigas*, ke pro la granda nombro de naciaj lingvoj kaj lingvoj de naciaj minoritatoj en Eŭropo la Internacia Lingvo Esperanto, kiel neŭtrala instrumento de komunikado ne nur en Eŭropo sed ankaŭ en mondaj kadroj, povas decide kontribui al la plena realigo de tia kultura programo;

*sekve petas* la registarojn de eŭropaj landoj kaj la kompetentajn instancojn de eŭropaj institucioj dediĉi seriozan atenton al la lingva aspekto de kulturaj interrilatoj kaj antaŭenigi la pluan disvastigon de Esperanto kaj ĝian aplikon en internacia praktiko.

* * *

## RESOLUCION DEL CONGRESO

El 58 Congreso Universal de Esperanto, que se celebró en Belgrado del 28 de julio al 4 de agosto de 1973, con 1.638 participantes de 42 países,

*comprueba*, que los resultados de la Conferencia Europea de Seguridad y Colaboración celebrada en Helsinki a principios de junio de 1973 señala un paso más hacia la distensión política en Europa y hace esperar una más intensa colaboración económica e intercambio cultural;

*observa* las perspectivas de una comunicación masiva entre las naciones europeas e individualmente en todos los campos, desde intercambios científicos e intelectuales, a través de Televisión, Radio y Prensa, hasta el turismo cultural con participación de los más amplios estratos populares;

*señala*, que por el gran número de lenguas nacionales y lenguas minoritarias existentes en Europa, la Lengua Internacional Esperanto, como instrumento neutral de comunicación no sólo en Europa, sino en el mundo, puede contribuir decisivamente a la plena realización de ese programa cultural;

*en consecuencia solicita* a los gobiernos de los países europeos y a las autoridades competentes de las instituciones europeas, que dediquen seria atención al aspecto lingüístico de las relaciones culturales y lleven adelante una mayor difusión del Esperanto y su aplicación en la práctica internacional.

---

# 59.ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Hamburgo (F. R. Germanujo) de la 27-7 ĝis la 3-8-1974.

Sub la Alta Protektado de Dro. Klaus von Dohnanyi, Ministro pri Klerigo kaj Scienco de FRG.

Unua bulteno kun aliĝilo estas senpage ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso.

Konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam 302, Nederlando.

# ANTAU LA XXXIVª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Iom pri la Kongresurbo, VALLADOLID

*Tierra de pan y vino*



Placo, Zorrilla

Iam mi aŭdis aŭ legis ĉi tiun frazon rilate al Valladolid kaj mi ĉiam pensis ke ĝi bone difinas tiun kastilan provincon, kiu situas en la Centra Altebenaĵo de la duoninsulo. Ĝi okupas ebenan kaj vastan parton de la valo de Duero-rivero, kiu dividas ĝin en du partoj. Norden etendiĝas la Tierra de Campos (Tero de Kampoj), grandega ebenaĵo de fekunda grundo, kies ĉefa produktado estas tritiko. Suden la pejzaĵo estas pli varia, en ĝi staras ampleksaj pinaroj, vastaj kampoj de tritiko kaj bone kulturitaj vinberkampoj.

La homoj de Valladolid estas laboremaj, seriozaj kaj noblaj; ili ne estas tre parolemaj, sed iliaj agoj estas elmontro de ilia kapablo kaj sincereco.



Preĝejo, Sankta Paŭlo

En la provinca teritorio elstaras multaj kaj majestaj kasteloj kaj belegaj preĝejoj.

La valoj de la riveroj Duero, Pisuerga kaj Eresma estas kvazaŭ la nervuro de la provinco. Apud la Pisuerga-rivero, sur ĝia maldekstra bordo elstaras la ĉefurbo, Valladolid.

Multe ni povus paroli pri tiu bela urbo, metropolo de la provinco, kiu enhavas tiom da monumentaj trezoroj. Alvenante al ĝi ni miras la harmonion, kiun antaŭ ni prezentas la turoj de ĝiaj preĝejoj, la monumentoj, la arboj kaj la valoj.

La urbo prezentas grandan aktivecon, ĝi estas grava industria centro kaj la ĉefa komerca centro de Kastilio. En ĝi bone kunfandiĝas la modernaj kvartaloj kun ampleksaj avenuoj kaj la malnova parto de la urbo kun siaj artaĵoj kiaj la preĝejo dediĉita al Sankta Paŭlo, kies faŝado el ŝtona filigrano estas elmontro de spirita delikateco; la kolegio de Sankta Gregoro, nuntempe Nacia Muzeo pri Skulptarto, la Katedralo, la Universitato... kaj tiom da palacoj kaj domoj, kiuj alte parolas al ni pri la glora historio de la urbo.

Pluraj faktoj kontribuis por ke Valladolid atingu la famon kaj prosperon, sed unu el la plej gravaj estas ĝia Universitato, ĝia karakterizo kiel universitata urbo difinas la vivon de la Valladolid-anoj.

*Inés Gastón*

## REVUO DE LA REVUOJ

En LA ESPERO, 1973-5, legiĝas, ke "en la kongreso de Beograd, la komitato de UEA akceptis la propanon pri la tria baza laborplano... malgraŭ forta kontraŭstaro flanke de la estraro de UEA".

La afero estas des pli surpriza, se konsideri, ke, diference de la antaŭaj laborprogramoj, tiun misteran trian laborplanon la Komitata Komisiono antaŭe ne diskonigis, en ties konkretaj konturoj, inter la membroj de UEA, kiuj formas, aŭ devus formi, la unuan, kaj ĉefan, ŝtupon en la demokrata strukturo de la Asocio.

Ĉu fakte ĉi tiu epizodo de la tria laborplano ne estas parto de ia speco de puĉo post la kulisoj celanta la renverson de la estraro de UEA sub gvido de Profesoro Lapenna? Oni sentas, ke ŝvebas en la aero odoro de komploto... Dio volu, ke personaj ambicioj ne ruinigu nian unuuran asocion tutmondan de serioza kaj respondeca karaktero.

---

KATOLIKA ESPERANTISTO, n.º 62, somero 1973, sciigas, ke "en iu vojaĝolibro, José M.ª Gironella eksponas siajn impresojn pri kelkaj landoj el Azio. Kiam Gironella priskribas la tipajn luktojn de la fiŝoj en Tajlando, li diras, ke la viroj, kiuj prezentas la fiŝujojn 'eran hombres de edad avanzada, con aspecto de numismáticos o esperantistas' (homoj multaĝaj, kiuj ŝajnis numismatoj aŭ esperantistoj). Stranga observado!".

José M.ª Gironella estas unu el la elstaraj romanistoj de Hispanujo (li aŭtoris la furorajn verkojn 'Los cipreses creen en Dios' kaj 'Un millón de muertos', interalie), sed ŝajne li ankaŭ eltrovis, ke ekzistas klare distingebla tipo de numismato kaj klare distingebla tipo de esperantisto. Strang-aspektaj tipoj ambaŭ, kompreneble!

S-ro Gironella, kiel Juan de Zunzunegui, ŝajne estas unu el la multaj hispanaj 'intelektuloj', kiuj kroĉas sin al stultaj kliŝoj kaj ripetas sensspritajn ŝercojn anstataŭ respondece kaj ver-aspire esplori la objekton de siaj ironioj.

---

La poeto kaj nova akademiano Karolo Piĉ aperigas en STARTO, 6 (36), 1973, artikolon pri la eterna problemo de la neologismoj. S-ro Piĉ diras interalie: "... la lastaj 30 jaroj... estas ne nur dekadoj da abrupta, ŝtorma lingva evoluo, sed antaŭ ĉio eĉ dekadoj de iom arbitra, ne ĉiel taŭga kaj konvena, ofte nepripensita kaj ne ĉiam bonŝanca perforta evoluigado. En tiuj tridek jaroj Esperanto tre riĉiĝis, sed samtempe ankaŭ grave kaosiĝis kaj malsimpliĝis. Kaj iuj lastaj tendencoj aperantaj en ĝi estas jam tute okcidentalismaj kaj kontraŭfundamentaj".

S-ro Piĉ asertas tion senpruve, kaj esence ripetas la samajn konceptojn, kiuj cickle aperas kiel ŝajne neeviteblaj fenomenoj en la historio de Esperanto. Pli frue ol la lastaj 30 jaroj, famiĝis kaj bruis la disputo Baghy-Kalocsay pri la neologismoj kaj la tendencoj de la lingvo, kaj jam en 1933, Baghy pasie kaj flame proklamis en *Literatura Mondo:* 'Ĉu vi konsentas pri tia perforta evoluigo kaj IDO-igo de nia lingvo? Ne miru do, se lastatempe multaj batalantoj forlasis la movadon, kaj ne miru, se vi konstatos, ke Esperanto fariĝis la plej malfacila lingvo el la lingvoj...".

Rimarku, ke eĉ la samajn vortojn uzis Baghy kaj Piĉ: perforta evoluigo! Sed, kie troviĝas la tiel nomata 'ŝtorma, abrupta evoluo'? La nuna literaturo Esperanta rigore observas la regulojn de la Fundamento, kaj ni dankus s-ron Piĉ, se li bonvolus indiki al ni eĉ unu solan verkon modernan, kiu spegulus tian evoluon. Ĉu s-ro Piĉ aludas la neologismojn? Ĉi-rilate mi refoje insistas, ke Esperanto bezonas ankoraŭ milojn da novaj vortoj por teni la paŝon kun la lavango da esprimoj, kiujn la konstanta progreso de la tekniko kaj la scienco kreas en la diversaj naciaj lingvoj.

Estas hontinde konstati, ke en 1957, kiam d-ro Neergaard publikigis sian sukcesan, popularsciencan verkon *Vivo de la plantoj*, li devis ekuzi pli ol cent neologismojn, ĉar nia lingvo ne posedis ankoraŭ adekvatajn terminojn eĉ por tute elementaj nocioj de la plant-anatomio, de la plantfiziologio kaj de la plantpatologio.

La situacio estas eĉ pli bedaŭrinda nun, kiam, kun la apero de novaj teknikoj kaj sciencoj, miloj da freŝaj terminoj komencis cirkuli en la kulturaj nacilingvoj, kiuj terminoj tute ne havas ekvivalentojn en Esperanto. *La nuda kaj amara vero estas, ke ni ne povas respondece proponi nian lingvon al specialistoj kaj fakuloj, ĉar ili ne trovus en Esperanto la ampleksan, ĝisdatigitan terminologion, kiun ili nepre bezonas en siaj funkcioj.* Certe, pri ĉi tiu bedaŭrinda stato de la aferoj, Esperanto tute ne kulpas. Kulpas multaj esperantistoj, kiuj pro eksceso de amo, aŭ de nescio, sentas la samon kiel gepatroj rilate al ĉarma fileto: ili ege bedaŭras lian kreskadon kaj klopodas teni lin en infaneca stato.

En la sama artikolo, s-ro Piĉ plendas, ke "la oficialigadon de novaj vortoj oni konsideras nemoderna kaj ne plu aktuala kaj necesa". Kiu estas tiu mistera "oni"? Fakte, la dinamiko de viva lingvo kiel Esperanto nek povas, nek devas submetiĝi al la stranga sinteno, kiun jam de multaj jaroj montras la Akademio rilate al la oficialigo de neologismoj. Kion fari do? La mekanismo de la oficialigo diskreditiĝis pro la simpla kialo, ke ĝi ne funkcias. Kio laŭŝajne mortis per si mem, tion "oni" povas konsideri nek nemoderna, nek aktuala, nek ia: mur, morta. Se ni vere deziras, ke Esperanto vivu *kaj progresu*, novaj vortoj nepre devas aperi, ĉu kun beno akademia, ĉu sen ia beno.

S-ro Piĉ finas sian artikolon per absolute fantasta kaj eĉ naiva konkludo: "Tiel vole nevole oni fakte subtenas la mallumajn fortojn, kiuj sekrete batalas kontraŭ Esperanto. Ĉar al tiuj fortoj estas jam klare, ke Esperanton oni ne plu povas subigi per malpermesoj aŭ ignorado, tial ili klopodas neniigi ĝin el interne, per la detruo de ĝia genia sistemo".

Mi ĝojegus, se ni havus tiel potencajn kaj malicajn oponantojn, ĉar tio montrus, ke ni estas fortegaj kaj ĉe la rando de la fina kaj definitiva venko. Domaĝe, s-ro Piĉ, oni tute ne atentas nin. Ne faru al vi tro da iluzioj.

---

NIA LIGILO, n.º 48, julio 1973, diras en *Internacieco de Vortoj*, verkita de s-ro J. Kohen-Cedek: "...tiam, je mia granda mirego, unu... respondis al mi per la ruslingva, trietaĝa, pripatrina fiinsultego... NENIU nacio en la mondo posedas tiel fort-espriman, orelfrapan, tian konsternipovan insulton!"

Ĉu vere? Scivolo probable riproĉinda min pikas informiĝi pri la kalibro de tiel eksterordinara insulto. Mi persone skribos al s-ro Kohen-Cedek por klarigo, kaj post ol li rivelos al mi tiel kolosan vortaĉon, ni ekzamenos, ĉu la hispana havas egalan aŭ superan fiesprimon. Mi anticipe vetus, ke, se la rusa havas trietaĝan insultaĉon, la hispana certe posedas iun ses-aŭ sepetaĝan...

---

En OOMOTO INTERNACIA, majo-junio 1973 aperas tria parto de artikolo de Isaiah Ben-Dasan, 'La japanoj kaj la judoj', tradukita el la japana en Esperanton de s-ro T. Nakamura. La artikolo distingiĝas kiel superba modelo de analiza studo de la psikologiaj karakterizoj de diversaj popoloj, kaj la traduko de s-ro Nakamura, majstre verkita, legiĝas kun speciala ĝuo. Gratulojn al ĉiuj koncernatoj!

F. de Diego

# LINGVA ĤAOSO: BREMSO POR LA PROGRESO

*Prelego de S-ro* DARÍO RODRÍGUEZ *dum la XXXIII*[a] *Hispana kongreso de Esperanto en Madrid.*

Ripeti la argumentojn uzitajn de miloj de esperantistoj dum jardekoj povas ŝajni superflua tasko.

Tamen, ni devas plene konscii pri la giganta evoluo, kiun spertis la mondo depost la apero de Esperanto.

Kio, fine de la 19a jarcento, eble povis ŝajni romantika aspiro, nur pure idealisma: doni komunan duan lingvon al la Homaro, hodiaŭ ne plu estas rigardebla kiel utopiaĵo, sed kiel granda, nepra kaj fundamenta bezono, en la epoko de grandaj supernaciaj ekonomiaj unuiĝoj.

Mi analizos kelkajn aspektojn de tiu tute nova mondpanoramo hodiaŭa, kaj la klopodojn, kiujn devas fari ni, esperantistoj, por adaptiĝi al la novaj cirkonstancoj de la Historio, tiu Historio "en konstanta akcelado", laŭ la esprimo kara al multaj historiistoj. Evidentiĝas la bezono elekti la metodojn pli akordajn al nia epoko por akceli la triumfon de Esperanto.

Permesu al mi, tial ke mi parolis pri grandaj supernaciaj ekonomiaj unuiĝoj, kiel signo de niaj tempoj, klarigi, kial parto de mia prelego rilatos al tiu prosperega unuiĝo konata kiel Eŭropa Komuna Merkato, kvankam ĝia oficiala nomo, kiun mi prefere uzos, estas Eŭropa Ekonomia Komunumo. Ĝi prezentas, laŭ mia vidpunkto, la plej adekvatan grundon, kiun la Historio povus donaci al la esperantistaro por kulturi en ĝi tiun mirindan fruktodonan planton, Esperanto.

Eminenta hispana ĵurnalisto, Augusto Assía, reliefigis en unu el siaj majstraj artikoloj kiamaniere tri eŭropaj urboj, kiuj estas fokusoj de la nova Eŭropo, simbolas la novan spiriton, kiu blovas en nia kontinento, ĉar ĉiuj tri urboj estis de ĉiam vojkruciĝo de kulturoj kaj lingvoj: Bruselo, Luksemburgo kaj Strasburgo.

Tiu feliĉa aludo al la simbiozo de kulturoj, kiuj regas la vivon de tiuj tri urboj, kies loĝantoj apartenas samtempe al la latinida kaj ĝermanida kulturoj, rememorigas al ni kvazaŭ brila simbolo tiun alian polan urbon, Byalistok, en kiu ankaŭ la simbiozo de pluraj kulturoj kaj lingvoj naskis en la cerbo de Zamenhof la ideon pri Esperanto.

Dum la jaroj 1878 al 1887 Zamenhof pretigis unu el la plej belaj kaj amindaj donacoj por la homaro, kiun oni povas imagi. Estas kurioze, ke la Homaro ankoraŭ ne plene konsciis pri la graveco kaj digno de tiu eminentega kreitaĵo, kiun Zamenhof donacis al ĝi.

La tempo permesas vidi la Historion kun pli serena perspektivo. Iam la 19a jarcento ricevos de la homoj la dankemon meritatan, ĉar ĝi estis epoko de elstaraj individuaj geniuloj. Nuntempe tiaj geniuloj ankaŭ aperadas, sed ŝajnas ke ilia laboro disvolviĝas iom en la anonimeco de la kolektivo.

En tiu jarcento 19a, majstraj individuecoj brilegis kaj lasis por ĉiam mirindan heredaĵon al la Homaro.

Beethoven, Gounod, Schumann, Ĉajkovskij, Wagner, Verdi, Mahler... postlasis siajn senmortajn muzikajn juvelojn ne plu superitajn.

Ampère, Faraday, Edison, Hertz, Marconi... kreis la bazojn de la moderna elektroniko, kiu ŝanĝis la aspekton de la Tero kaj antaŭenigis la progreson de la Homaro al limoj neimageblaj antaŭ nur 200 jaroj.

Pasteur, Koch, Ramón y Cajal, Freud... kreis la bazojn de nova medicino...

Kaj en tiu malproksima kaj maltrankvila pola urbeto, Byalistok, Lazaro Ludoviko Zamenhof havis la genian inspiron donaci al la Homaro juvelon de netaksebla valoro, artverkon tiel eminentan kiel povas esti la 9.a bethovena simfonio, la eltrovo de la telefono fare de Graham Bell aŭ de la elektra inkandeska lampo fare de Edison, kiel povas esti la centoj da senmortaj literaturaĵoj, operoj, simfonioj kreitaj de artistoj de tiu beninda romantisma epoko!

Li kreis Esperanton, kaj la Homaro ankoraŭ ne plene konsciis pri la brila heredaĵo, kiun postlasis al ĝi la modesta kaj bonkora 19-jarcenta pola kuracisto de Byalistok.

Ne sufiĉas ankoraŭ la amaso da stratoj, kiuj ĉie, en metropoloj aŭ en vilaĝoj portas lian eminentan nomon aŭ tiun de lia lingvo; ne sufiĉas monumentoj; ne sufiĉas la kora dankemo de ni, la milionoj da esperantistoj, kiuj de post 86 jaroj subtenas lian ideon; ni aspiras plu; ni deziras ke la tuta Homaro estu konscia de la valoro de Esperanto kaj akceptu finfine tiun heredaĵon!

Sed ni pasu al la analizo de la cirkonstancoj, kiuj kondukis al la starigo de la Eŭropa Ekonomia Komunumo, tereno kiu, mi insistas, devus esti celo de nia strebado por la enkonduko de Esperanto, aŭ, almenaŭ, kiel eksperimenta tereno por nia entuziasmo.

Certe, ni neniam devas forgesi, ke nia idealo estas, ke Esperanto fariĝu dua komuna lingvo por la tuta Homaro, por la tuta mondo, kaj ne nur por eŭropanoj.

Sed, konsentu kun mi, se Esperanto triumfus kiel tuteŭropa lingvo, ĝia triumfo tutmonda estus aŭtomate garantiita.

Krome, ni povas pli facile studi la plej proksiman terenon, t.e. Eŭropon, dum nia scio pri la lingvaj problemoj en ekstereŭropaj komunumoj ne povas esti tiel kompleta.

Se ni intencas konvinki la membrojn de ekonomia supernacia unuiĝo pri la utilo de Esperanto, mi ne trovas alian komunumon pli taŭgan. Ekzemple, ekzistas la Centroamerika Komuna Merkato, ekzistas la Pakto de la Andoj (estonta ekonomia unuiĝo de Kolombio, Venezuelo, k.t.p.), stariĝos Sudamerika Komuna Merkato... sed tie ne ekzistas, pro kialoj evidentaj, lingva problemo.

Se ni konvinkiĝus ke la klopodoj de la centmiloj da eŭropaj esperantistoj okcidentaj devus koncentriĝi por martele frapadi la pordojn de la Altaj Institucioj de Bruselo, Luksemburgo kaj Strasburgo, kaj de tio devenus agnosko oficiala de Esperanto kiel dua lingvo de la Eŭropa Ekonomia Komunumo, la triumfo de Esperanto laŭ tutmonda skalo akceliĝus laŭ nekredebla rapido. Tial tia kampanjo meritus senrezervan apogon kaj helpon de esperantistoj ekster tiu geografia areo.

Kiuj estis la antaŭuloj de Eŭropa Ekonomia Komunumo?

Komence de la pasinta jarcento, en Germanujo, oni trovis, vojaĝante de Frankfurto al Hamburgo, 144 doganejojn, landajn, regionajn aŭ lokajn.

Tiu ĥaoso kaŭzis gravegajn malavantaĝojn al la komerco inter la diversaj tiamaj germanaj ŝtatoj.

La 1-an Januaro 1834 estis forigitaj la internaj doganoj inter la germanaj ŝtatoj.

La favoraj rezultoj por la germana ekonomio estis neatendite konsiderindaj. Tiu unuiĝo ricevis la nomon "Zollverein", t.e., dogana unuiĝo.

Kompreneble ne estis lingvaj problemoj ĉar la tiamaj ŝtatoj kiuj konsistigis la unuiĝon estis ĉiuj germanlingvaj.

Estas vere kurioze konstati, ke landoj ne germanlingvaj, kiel Nederlando kaj Belgujo, volis aliĝi al Zollverein, sed estis rifuzitaj.

Multajn jarojn poste, Belgujo aranĝis doganan unuiĝon kun Luksemburgo, unuiĝo al kiu poste aliĝis Nederlando, formante la ekonomian unuon konatan sub la nomo Beneluksο.

Ni alvenas al la jaro 1950, kiam tre eminenta eŭropano, Robert Schuman, tiama ministro por eksteraj aferoj de Francujo, proponis la kontrolon de la produktado de karbo kaj ŝtalo, fare de Alta Aŭtoritato kies membroj apartenos al Francujo kaj Germanujo. Poste aliĝos al tiu organismo Italujo, Nederlando, Belgujo kaj Luksemburgo.

Ke la produktado de tiel gravegaj industriaĵoj estu kontrolata internacie per Aŭtoritato ĉe kies labortablo devas sidiĝi reprezentantoj de landoj kiuj nur 5 jarojn antaŭe, t.e., en 1945 estis nepre malamikaj, ŝajnis vere utopiaĵo en 1950. Sed la Eŭropa Komunumo de Karbo kaj Ŝtalo fondiĝis kaj treege kontentige funkciis.

Tiu sukceso preskaŭ neatendita instigis la membrojn etendigi la unuiĝon al pli vasta skalo; en tago nepre memorinda, unu el tiuj tagoj kiuj brilegos por ĉiam en la Historio, la 25-an Marto 1957, estis solene subskribita en Romo la fama Traktato kiu starigis la Eŭropan Ekonomian Komunumon.

Oni facile komprenas la dankemon de la popoloj kiuj ricevis tiel grandegajn avantaĝojn por sia prospero el tiu Institucio, al la homoj kiuj instigis ĝian starigon, kaj precipe al Robert Schuman; hodiaŭ, la placo ĉe kiu staras en Bruselo la majesta, modernega konstruaĵo el ŝtalo, aluminio kaj kristalo, la palaco Berlaymont, sidejo de la Komunumo, portas la nomon de Schuman.

Kiel oni scias, la Eŭropa Ekonomia Komunumo konsistis origine el ses landoj, Belgujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Luksemburgo kaj Nederlando. Nuntempe, aliĝis Britujo, Dankando kaj Irlando, do, entute 9 landoj.

Naŭ landoj, sed... en ili oni parolas sep oficialajn lingvojn: franca, nederlanda, germana, itala, angla, dana kaj irlanda.

Kvankam eble oni povas redukti al ses la oficialaj lingvoj de la Komunumo, tial ke Irlando ŝajne ne insistas pri la uzado de la irlanda, tial ke la angla ankaŭ estas oficiala en ĝia lando, ni konstatu tamen ke en la solenega sesio de aliĝo de la tri novaj landoj, en Bruselo, irlanda ĉefministro tiama,

S-ro Jack Lynch, faris sian paroladon ankaŭ en la irlanda lingvo.

Havi, do, ses oficialajn lingvojn estas peza kaj komplika tasko por la administracio de Eŭropa Ekonomia Komunumo, kaj signifas ankaŭ monan elspezon.

Kvazaŭ simbolo, oni povas konstati ke, dum en la aliaj metrostacioj de Bruselo troviĝas indikoj, anoncoj, k.t.p., en la franca kaj nederlanda, ambaŭ oficialaj lingvoj de Belgujo, nepre uzendaj samtempe en la ĉefurbo, en la metrostacio Schuman troviĝas pluraj anoncoj klarigante al la publiko la signifon de Eŭropa Ekonomia Komunumo: ili estas redaktitaj en franca kaj nederlanda, sed ankaŭ en dana, germana, angla kaj itala.

Kio okazos kiam aliĝos novaj membroj al la Komunumo?

Sed la problemo povas fariĝi pli komplika ol oni povas pensi.

Kio povas okazi, rilate lingvan problemon en la Komunumo, ni parolu pri la jaroj 2000 al 2050, konsekvence de la alveno sur praktika tereno de tiu nova ideo, nun tre disvastiĝinta en la landoj de la Komunumo, ideo kiun oni konas sub la nomo "Eŭropo de la regionoj"?, kaj ne pensu, ke ĝi baziĝas nur sur idealismaj respektindaj principoj, sed ankaŭ kaj precipe sur la fakto ke la ekonomio de grandaj teritorioj marŝas pli bone, kvankam certe sub la gvido de la altaj centraj institucioj de la Komunumo, sed precipe sub efika rigardo kaj direktado de regionaj institucioj pli proksimaj al la industrio kaj agrikulturo de malgrandaj teritorioj, prefere ol sub la kontrolo de institucioj centraliĝintaj en ĉefurboj de grandaj landoj, kiel okazas ekzemple en Francujo kaj Italujo. La Altaj Institucioj de Eŭropa Ekonomia Komunumo trafe rimarkis ke la ekonomio de siaj malgrandaj membroj, kiel Nederlando, Belgujo, Luksemburgo, marŝas bonege, sed ne tiel bone en Italujo kaj Francujo, kies institucioj devas superrigardi kaj kontroli la ekonomion de grandega teritorio, forgesante ofte lokajn problemojn. Germanujo prezentas tute alian aspekton, se paroli ĉiam pri ekonomio, ĉar ties teritorio estas ja sufiĉe granda, sed la lando estas organizita laŭ federacia sistemo, kio solvas la diritan problemon.

Ĉar vi estas, sufiĉe kapablaj pri lingvaj problemoj, vi povas facile antaŭvidi ke la evoluo de la teorio de "Eŭropo de la regionoj" povos prezenti dum la venonta jarcento al Eŭropa Ekonomia Komunumo la problemon de egalrajteco de pluraj aliaj dekoj da regionaj lingvoj, kiuj sumiĝus al la ĝis tiam oficialaj landaj lingvoj.

Oni ne pensu ke mi fantazias. Hazarde, la laste ricevita numero de Heroldo de Esperanto alportis al mi trafan pruvon pri la neimagebla evoluo de la lingva panoramo en la daŭro de kelkaj jardekoj.

Aperas en ĝi fotografaĵo pri la impona akcepto al Dro. Zamenhof okaze de la Kongreso en Antverpeno en 1911.

Facile oni povas legi sur la foto kiel la ŝildoj, anoncoj kaj tabuloj sur la fasadoj en Antverpeno estas en franca lingvo.

Hodiaŭ nur 62 jarojn poste, Antverpeno, kiel antaŭe, estas grava urbego de Belgujo, sed tie vi povos trovi eĉ ne unu anoncon franclingvan: ili ĉiuj estas en la nederlanda.

Ankaŭ oni ne povis imagi antaŭ malmultaj jaroj ke la klasoj en la belga fama universitato de Lovaine - Leuven ne plu okazus en la franca, sed en la nederlanda, aŭ ke la klasoj en la brita universitato de Cardiff okazus ne en la angla, sed en la kimra, kiel ankaŭ la televidaj elsendoj de la Kimra Televido okazus ne anglalingve, sed kimre. La mondo evoluas laŭ neimagebla rapido, kio donis bazon al la konata esprimo forĝita de kelkaj historiistoj, pri la "akcelado de la Historio".

La mozaiko de lingvoj de Eŭropo povas fariĝi, en la daŭro de kelkaj jardekoj, ankoraŭ pli riĉa kaj kolorenhava, per tiu alporto de regionaj lingvoj. Kiel esperantistoj, ni devas konsideri tiun fenomenon kiel tre favoran, ĉar ju pli da lingvoj konkurencos sur la Eŭropa geografio, des pli oni bezonos komunan lingvon.

Nia tasko estas konvinki, dum la venontaj jaroj:

—De unu flanko, la spertulojn pri Eŭropa Ekonomia Komunumo (la tiel nomataj eŭrokratoj).

—De alia flanko la publikan opinion de Eŭropo, ke, antaŭ la eventuala plimultiĝo de lingvoj de la Komunumo, de unu flanko pro la aliĝo de novaj landoj, de alia flanko pro la eventuala plimultiĝo de oficialaj lingvoj konsekvence de kristaliĝo de la ideo "Eŭropo de la regionoj", fariĝas evidenta kaj urĝa la bezono akcepti unu oficialan komunan lingvon apud ĉiuj aliaj, kaj ke ĝi nur povas esti Esperanto, ĉar la alpreno de unu ajn el la lingvoj de la Komunumo estus grave ofenda por la aliaj. Ni ne forgesu ke tiu argumento devas havi en la Eŭropo de

la Naŭ sufiĉan eĥon, ĉar feliĉe Eŭropa Ekonomia Komunumo estas tute laŭvola unuiĝo bazita sur alta respekto al la individuecoj.

Esperanto jam delonge pruvis sian kapablon por la ĝenerala uzado en ĉiuj sferoj, komerco, scienco, tekniko...

Oni ne devos sin lasi timigi per argumentoj ke la oficialigo de Esperanto estus neebla, pro la elspezoj, manko de personoj kompetentaj en la lingvo, k.t.p.

Denove la hazardo donis al ni ekzemplon por kontraŭdiri tiujn argumentojn.

La sidejo de la Komunumo estas en Bruselo, kie ĝuste nun, en tiuj ĉi tagoj, oni travivas similan problemon al tiu, kiun okazigus la oficialigon de Esperanto.

Plej multaj bruselanoj nur komprenis la francan lingvon.

Sed la nova belga Konstitucio de 1971 postulas, ke la ĉefurbo estu dulingva, franca kaj nederlanda.

Kaj malgraŭ elspezoj, malfacilaĵoj de lernado, k.t.p., multaj bruselanoj, kiuj okupas postenojn, ĉe kiuj oni devas paroli kun la klientoj aŭ ĝenerala publiko, postenoj tiel variaj kiel bankoficistoj, kelneroj, tramkondukistoj, k.t.p., devis lerni la nederlandan, aŭ, se ili estis flandraj, la francan.

Do, eŭrokratoj loĝantaj en Bruselo ne povas diri ke estas neebla la praktika enkonduko de Esperanto, ĉar ili travivas en Bruselo mem praktikan ekzemplon de rapidega enkonduko de nova lingvo apud la antaŭe ekzistanta.

Rilate al la instruado, ni devas reliefigi en kia epoko ni troviĝas: ĝi estas la epoko de la amaskomunikado.

Antaŭnelonge oni povis vidi en la televido bildojn pri disdono de diplomoj al la 40.000 unuaj lernantoj, kiuj sekvis la klasojn de la Brita Universitato je Distanco, institucio kiu uzas poŝton, radion kaj televidon por dissendi tra la tuta Britujo universitatan instruon.

Lertaj eŭrokratoj ne povos argumenti ke estas neeble instrui Esperanton, almenaŭ, komence, al tiuj, kiuj havos pli grandan bezonon, ĉar la modernaj komunikiloj ebligas perfektetion. La epoko, kiam oni plendis pri manko de Esperanto-instruistoj pasis jam, ĉar kolektivaj kursoj povas esti fareblaj kun neimagebla perfekteco, permesu al mi citi kiel ekzemplon, la tre sukcesan kurson de Esperanto dissenditan per kolora televido en Nederlando pasintjare.

Ni devas, do, disvastigi per ĉiuj niaj fortoj la ideon, ke Esperanto devas esti la dua lingvo de Eŭropa Ekonomia Komunumo.

Por tio, ni devas konvinkiĝi, nur taŭgas la amasaj komunikiloj, radio, televido kaj precipe gazetaro, serioza gazetaro, kiu estas tiu kiun legas la influhavaj kaj decidopovaj personoj.

Ni atingu la plej gravajn ĵurnalistojn, kiuj okupiĝas pri la temo de Eŭropa Ekonomia Komunumo, kaj ni instigu ilin pritrakti la temon almenaŭ de tempo al tempo en siaj artikoloj.

Oni atingu la strasburgajn Eŭropoparlamentojn, la bruselajn kaj luksemburgajn eŭrokratojn, ĉiam serĉante la plej trafan vojon kaj la plej influhavajn personojn.

Nia klopodo ne restos vana, se la publika opinio en Eŭropo ekkonscias pri la afero.

Multaj argumentoj aperas tuj, kiam oni pensas pri la temo. Mi memoras ke antaŭ multaj jaroj, en alia prelego, mi rilatis al la temo de la estonta aŭtomatigo de la telefono en Eŭropo. Tio jam estas realaĵo kiun vi povas konstati, se vi havas sufiĉan monon por pagi, pli poste, la fakturon de la Telefona Kompanio! Kombinante plurajn ciferojn ĉe via telefono vi povas ĉe la sama momento paroli kun Oslo, Hamburgo, Romo, Kopenhago, Marsejlo aŭ Edinburgo.

Ĉu vi povas garantii ke la persono kiu telefonas, kaj tiu, kiu ricevas la alvokon, parolos la saman lingvon? Telefoni de Madrido al Danlando aŭ Germanujo per aŭtomata sistemo kostas unu peseton po sekundo! Imagu la monelspezon, kiun povas kaŭzi la nekomprenon pro lingva diverseco, precipe en entreprenoj, kiuj oftege uzas la telefonon.

Eble vi povas fari etan eraron, ĉe la kombino de ciferoj, kaj se vi celas ekzemple telefoni al Norvegujo, vi povas esti surprizita aŭdante la respondon en itala lingvo. Eble vi celis Oslon kaj trafis Milanon!

Estas admirinda la progreso de la civilizacio: vi povas aŭtomate telefoni al la tuta Eŭropo jam nun... sed ekzistas neniu komuna lingvo por ĝin uzi plej efike, ekonomie kaj rapide!

Tiu, kaj pluraj dekoj da absurdegaj konstrastoj inter la progreso atingita en ĉiuj terenoj escepte de la lingva, povas kaj devas esti reliefigataj ĉiam en nia propagando.

Komerco, industrio, ĉiaspeca trafiko estas barataj kaj bremsataj de tiu lingva vakuo. Ni diru forte: la lingva diverseco, la manko de Esperanto en Eŭropo, signifas perdon de mono. Ni

kriu tion laŭte ĉe la oreloj de la ekonomiistoj, bankistoj, entreprenistoj, ĝis ili komencu pensi ke estas iom da vero en niaj asertoj. Alia ekonomia (krom politika) unuiĝo, mi parolas pri Usono, atingis la plej altan gradon de prospero multe antaŭ ol Eŭropo. Kaj mi estas certa ke en granda proporcio influis, ne nur la fakto ke ne estis doganoj inter Kalifornio, Novjorko, Virginia aŭ Massachussets, sed ankaŭ, ke ĉiuj usonanoj havis komunan lingvon, kaj ke kapablaj personoj, se ili deziris, povis trairi la tutan gigantan teritorion de Usono kaj establiĝi kie ili estis plej utilaj, kie ili povis gajni pli da mono aŭ kie ili konsideris esti pli feliĉaj pro iu ajn cirkonstanco.

Eĉ se tio ankaŭ nun estas plene farebla interne de la Eŭropo de la Naŭ, diru sincere al mi se la lingvaj baroj ne efikas terurege por kompliki la vivon al tiu, kiu transpasas ilin. Ne, la situacio ne estas komparebla al tiu de Usono, kaj la lingva diverseco estas bremso kiu, vole nevole malfaciligas la progreson de tiu cetere vere mirindega Eŭropo de la Naŭ.

Hodiaŭ, profesiuloj de Italujo, ekzemple, povas plenrajte establiĝi en Danlando, Britujo, aŭ ie ajn interne de la Komunumo, Sed la lingva baro estas terura kaj malfaciligas nekredeble la liberan reciprokan cirkuladon de personoj. Ni parolu pri tio al kuracistoj, inĝenieroj, advokatoj, ekonomiistoj, en siaj propraj specialigitaj revuoj, ĝis ili komencos rekoni, ke ekzistas vero en niaj vortoj.

Al ĉiu profesiulo de la tiel nomataj "intelektaj" kiel ankaŭ, eĉ en pli malgranda grado, al la manlaboristoj, utilus la ekuzo de Esperanto kiel eŭropa lingvo. Tiam nur estos praktika la ebleco uzi ĝis ekstreme la liberon de cirkulado de personoj tra la tuta Eŭropa Ekonomia Komunumo, starigita de la Roma Traktato, sed praktike terure malfaciligita pro la lingva diverseco.

Ĉu havas sencon, ekzemple, revenante al nia ekzemplo, ke tiu itala profesiulo decidu establiĝi en Nederlando, kaj post peza kaj longa studo de la nederlanda, aperos al li nova ebleco establiĝi en pli favoraj kondiĉoj en Danlando. Ĉu li devos denove eklerni nun alian lingvon, la danan? Kaj tiel plu, k.t.p. Ĉu profesiulo devas pasigi jarojn dediĉante parton de sia valora tempo al la studado de lingvoj, se li volas havi plenajn eblecojn translokiĝi de unu al alia ŝtato de la Komunumo, kiel faras liaj kolegoj en Usono, sen problemoj?

La diverslingveco estas do, terurega baro, kiu bremsas la sopiratan kaj jam atingitan liberon de cirkulado kaj establiĝo de personoj ĉe la Eŭropa Ekonomia Komunumo.

Ni insistu pri la nepra bezono uzi la amaskomunikilojn por disvastigi nian ideon. Iam mi aludis al la nekredeble konsiderindaj sumoj, kiujn ni, esperantistoj, dediĉas ekzemple al niaj kongresoj. Ili estas necesaj, certe, sed iam ni povus pruvi nian idealismon, dediĉante la sumon destinitan al kongresvojaĝo de unu jaro al propaganda fonduso. Ni plendas, ke en gazetoj, ofte dum monatoj eĉ ne aperas la vorto Esperanto. Kaj se ni pagus, por ke ĝi aperu? Almenaŭ en tiuj ĵurnaloj, kiujn legas gravaj influhavaj personoj? Oni ne bezonas imponajn tutpaĝajn kolorajn anoncojn, certe.

Tuj mi konfesas, pesimisme, ke mia propono ne havos eĥon, sed, mi proklamas tiun ideon.

Ĉu estus vere tiel multekosta, inter la centmiloj de esperantistoj en tuta Eŭropo, pagi anoncojn, ne tro grandajn, sed sufiĉe videblajn, en ĵurnaloj kiaj Le Monde, The Times kaj similaj, kiuj nur kunigus tiujn du trafajn signifoplenajn vortojn: **ESPERANTO-EŬROPO?**

La iom post ioma aperado de tiel simpla slogano povus iel efiki ĉe la publika opinio, kaj precipe ĉe la opinio de tiuj, kiuj legas tiajn ĵurnalojn, ĝuste tiuj, ĉe kiuj ni devas influi, por ke nia voĉo estu aŭdata. Simile povus okazi en nia lando, kial ne?

Kaj kion ni faras interne de ni mem?

Mi opinias, ke granda paŝo antaŭen estus la efektiva funkciado, almenaŭ por la landoj de la Eŭropo de la Naŭ, de Eŭropa Esperanto-Federacio, kiu devus ricevi la plej senkondiĉan apogon de la Landaj Esperanto-Asocioj, eĉ, ekstreme, la Asocioj landaj de la Naŭ povus kunfandiĝi en tiu sola Asocio. Oni devus imiti la vere laŭdindan sintenon de siaj propraj ŝtatoj, kiuj iom post iom rezignas parton de siaj rajtoj favore al la novaj supernaciaj instancoj kiel Eŭropa Parlamento, k.t.p.

Esperantistoj, imitu tiun ekzemplon!

Kiom multe pli utila estus (jam mi aludis en alia okazo al la temo), se anstataŭ pluraj landaj gazetoj, kun monata apero kaj modesta aspekto, ili kunfandiĝus en granda moderna eŭropa periodaĵo, pli ofta, pli kolora, pli riĉenhava, pli adekvata al nia epoko, kiu povus rezisti la komparon al iu ajn periodaĵo alilingva!

Grandaj nacilingvaj gazetoj aperas

en ampleksaj eldonoj, sed aldonas paĝojn specialajn por iu regiono, sur kiuj aperas nur la lokaj eventoj.

Kial ne, granda eŭropa gazeto esperanta, al kiu oni aldonus apartajn foliojn por ĉiu difinita lando aŭ lingvo-grupo, dum la ceteraj estus ĝeneralaj paĝoj interesplenaj por ĉiuj, en nia komuna lingvo, lukso neimagebla por la ceteraj eŭropanoj! Ni altiĝu je nivelo de nuntempa progresa Eŭropo kaj ne restu ankritaj en la pasinteco!

Feliĉe, aperas novaj signoj.

Antaŭ dekdu jaroj mi iam proponis al influa franca esperantisto ideon pri diverslandaj Esperanto-renkontiĝoj, precipe en la landlimaj regionoj. La ideo prosperis —mi ne scias, ĉu mi influis iel— kaj jen multobliĝas tiaj renkontiĝoj, pli logikaj ol nur nacia kongreso, ĉar estas inter diverslingvanoj, kie evidentiĝas la utilo de Esperanto.

Kaj jen finfine, ke oni organizis ĉijare la Unuan Eŭropan Esperanto-Kongreson en tiel simbolplena urbo, kiel estas Luksemburgo. Rimarkinda fakto ke inter la eminentuloj, kiuj sendis saluton al la Kongreso, troviĝis la Granda Duko de Luksemburgo kaj la germana ministro de Eksteraj Aferoj, S-ro Walter Scheel.

Stariĝis Eŭropa Centro por la landoj de Komuna Merkato, kiu prenis sur sin la taskon antaŭe aluditan de mi: informadi elstarajn eŭropistojn kaj eŭropajn parlamentanojn. Kreiĝis Eŭropa Fonduso, por la disvastigo de Esperanto; S-ro Ralph Harry, aŭstralia ambasadoro en Bonn, kreis premion por la plej bona traduko de la Traktato de Romo, fundamento de la Eŭropa Ekonomia Komunumo.

Jen la vojo, karaj geamikoj, jen la vojo, ni ne forgesu ke Eŭropo, centro kaj brilega fokuso de la kulturo tutmonda, sur la feliĉa vojo de sia unuiĝo, jam difinita solenege fare de la ŝtatestroj kaj ĉefministroj de la Naŭ dum sia kunsido de Oktobro 1972 en Parizo, povas kaj devas esti la laboratorio kie finfine kristaliĝos, por la bono de la tuta homaro, la esperanta ideo.

Ni neniam forgesu la faman eldiron: Renoviĝi aŭ morti.

Ni renoviĝu, karaj geamikoj, por ke Esperanto, kiu jam travivis en bonega sano 86 jarojn de malfacila ekzisto, vivu poreterne je la servo de la Homaro.

## VIª FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

La VIª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazos la 4-an kaj 5-an de majo 1974, en Bayonne (Francujo).

En venonta numero de BOLETIN, ni informos pri la diversaj aranĝoj, ktp.

* * *

La Hispana Turisma Esperanta Sekcio organizas komunan vojaĝon al Bayonna, por partopreni la Renkontiĝon. Ankaŭ organizas komunan flugvojaĝon al Hamburgo okaze de la Universala Kongreso.

Informes:
H. T. E. S., ĉe Inés Gastón, paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha. - ZARAGOZA

## H. E. J. S. - TENDARO

Okazonta en Zaragoza de la 23-a ĝis la 26-a de Majo 1974

La Hispana Esperanta Junulara Sekcio (H. E. J. S.) en la Kongreso en Madrid decidis okazigi junularan renkontiĝon, por pristudi la laboron realigitan kaj realigotan, same enlanda kiel vide al la partopreno en la T. E. J. O. - Kongreso.

En venonta numero de BOLETIN kaj en la bulteno de H. E. J. S. ni informos pri la programo kaj kondiĉoj.

Konstanta adreso: H. E. J. S., Junulara Sekcio de Hispana Esperanto-Federacio, str. Barrencalle Barrena, 7, 1.º, BILBAO-5.

# 26ª INTERNACIA FERVOJISTA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Tarragona (Hispanujo) de la 11-a ĝis la 17-a de Majo 1974
Sub la Protektado de F. I. S. A. I. C.

## PLEJ FREŜAJ INFORMOJ

LOKA KONGRESA KOMITATO. — Prezidanto, Ramón Giménez; Vicprezidanto, José Cerezo; Sekretario, Rafael Devís; Kasisto, Santiago Vidal; Loĝiga servo, Carlos Virumbrales; Ekskursa servo, José Molina; Informa servo, José Oliveras; Libro servo, Paquita Iruegas; Helpantoj: Enrique Pérez; Manuel Rodríguez; G. García Alvaro; Ramón Munuera; J. Navareño; J. Sánchez kaj F. Alberich.

KONGRESEJO. — Sindikata Restadejo de "Edukado kaj Ripozado".

KONSTANTA KONGRESA ADRESO. — 26ª IFEF KONGRESO DE ESPERANTO, Ronda San Antonio, 46, 2.º, 4.ª, BARCELONA-11.

KASISTA ADRESO. — 26ª IFEF KONGRESO DE ESPERANTO, CENTRABANK, Agencia 19, Konto N.º 3538/50, Avda. José Antonio N.º 780, BARCELONA-13.

KONGRESKOTIZOJ. — Ĝis la 31.ª-1-74, 600,— pesetoj. Post la 1.ª-2-74, 800 pesetoj. Familianoj, pensiuloj kaj gejunuloj ĝis 20 jaroj, pagas la duonon. Simpatiantoj; Minimuma kotizo, 100,— pesetoj.

## PROVIZORA PROGRAMO

SOLENAJ MALFERMO KAJ FERMO DE LA KONGRESO

LABORKUNSIDOJ. — Krom la kunveno de IFEF-estraro kun la LKK., kiu okazos la 10-an de majo, okazos laborkunsidoj de la Estrar-komitato; kunsidoj de komisionoj kaj du Ĝeneralaj Kunsidoj. Ankaŭ okazos Forumo por libera diskutado.

PRELEGO. — En la faka prelego, oni pritraktos la sekvantajn punktojn: MALLONGA HISTORIA RESUMO-LA LASTA JARDEKO-LA ELEKTRONIKO-R. E. N. F. E. ANTAŬ LA FUTURO-LA FINANCA SITUACIO-LA HOMO EN R. E. N. F. E.

EKSKURSOJ. — Tuttaga ekskurso al Montserrat, San Sadurní, Valls, Santes Creus. Duontagaj ekskursoj al Villanueva y Geltrú kaj Sitges; kaj al Tortosa kaj rivero Ebro. Ankaŭ okazos rondveturado tra la urbo.

DIVERSAJ ARANĜOJ. — Interkona Vespero; Ekumena Diservo; Akcepto en la Urbodomo; Folklora Vespero; Bankedo kaj internacia balo; Arta Vespero; Junulara Vespero kaj Futbalmatĉo, sportkonkursoj, ktp.

## POSTKONGRESO

La Oficiala Postkongreso okazos dum la tagoj 18-19 kaj 20 de 5 en CALELLA DE LA COSTA, kie la tieaj esperantistoj preparas tre interesan programon kun vizito al la urbo Barcelona, ekskurso tra la Costa Brava, Blanes, ktp.

TIP. C. BOLOIX - REINA FABIOLA, 7 - ZARAGOZA D. L. Z. - 375 - 63